# juna amiko

septembro 2015 • n-ro 3/2015 (144)




INTERNACIA
ESPERANTO-REVUO
DE ILEI
POR LERNANTOJ
KAJ KOMENCANTOJ

Mia unua Universala Kongreso
Abeloj, la laboremaj zzzzumantoj!
Kun avo en fervoja muzeo
La furora monodramo Ursula

Aŭtoro: Miguel Ángel Díaz
Tradukisto: José de Jesús Campos Pacheco

# Koboldeto

Koboldeto, kion signifas eksterterano?

Ĉion fremdan al la vivo sur la tero, Ĉuĉjo

Ĉu ili ne estas sovaĝaj monstroj, kiuj volas invadi nian planedon?

Multaj sciencfikciaj libroj atestas pri tio, sed vere tio estas nur fantazio.

Ĉu do la eksterteranoj ne ekzistas?

Tamen ili eble ekzistas sed ne estas konvinka pruvo. Ne pensu ke ili estas fiuloj

Mi tre ŝatus koni iujn.

En alia loko de la universo

Panjo, ĉu la legemaj koboldetoj ekzistas?

Eĉ ekster nia fantazio tio eblas, sed ĝis nun ne ekzistas konvinka pruvo.

Mi tre ŝatus koni iujn.



# Enhavo



**Enkonduke:** Karaj legantoj! (Stano Marček, SK);
La prezidanto salutas vin! (Mireille Grosjean, CH) .. 04


**Konversaciaj temoj:** Gastigado dum somermeza festeno en Hungario (Judit Felszeghy, HU) ........ 05


Mia unua Universala Kongreso (Jan Kozousek, AU) ........ 09


**Ekstere:** Abeloj, la laboremaj zzzzumantoj! (Samuel, CH) ........ 11




**Amuza matematiko:** Ekamu matematikon (Małgosia Komarnicka, PL) ........ 13


**Legu kaj ĝuu** (Małgosia Komarnicka, PL) ........ 14



**Ekkonu mian landon pere de ĝiaj legendoj:** Taĝikio (Firdaŭs Ŝukurov, TJ) ........ 15


**Legendoj:** La Gigantoj: De kie ili devenas? (Brigitte kaj Jean-Pierre Quiquempois, FR) 19


**Generacioj:** Kun avo en fervoja muzeo (Saliko, CH) ........ 21


**Interkultura Mondo:** Rusiaj Esperantaj Tagoj en Ĉuvaŝio (Elena Nadikova, RU) ........ 23


**LUDE, la unika dua etaĝo:** La interplaneda vojaĝo (Mónika Molnár, CH) ........ 26




**Teatro:** La furora monodramo *Ursula* (Kongresa libro / Belfrido; NL/FR) ........ 28


**Kantu kun *Juna Amiko*:** La sorĉa kanto-mondo (Małgosia Komarnicka / Jose de J Campos Pacheco; PL / CU) ........ 29

**Recenzoj:** *Mamutido Miĉjo* kaj *Taglibro de mia frato* (Luiza Carol, IL) 30, 31



**LASTE**, la absolute spektakla tria etaĝo: Kvar urboj – kio komuna? (Stefan MacGill, HU/NZ) ........ 34

**Nia kultura heredaĵo:** Ivan Ŝirjaev (Baldur Ragnarsson, IS) ........ 36


Landaj Perantoj de *Juna Amiko* ........ 38

Bildstrioj *Fito* kaj *Kukuo la Feo* (S. Álvarez, BR) .. 39, 40


**Frontpaĝe:** La 100a UK en Lillo, ekskurso al Bulonjo ĉe Maro. Foto: Marek Blahuš


**Eldonanto** de *Juna amiko*: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI). Jura sidejo: Centra Oficejo de UEA, Roterdamo, Nederlando. **Retejo:** sub rekonstruo ĉe *ilei.mondo.info*. Ĉefaj informoj pri *Juna Amiko*: *http://ilei.info/revuoj/?lingvo=eo*. Historio de la revuo: *http://eo.wikipedia.org/wiki/Juna_Amiko*. La numeroj de 0 ĝis 138 (1972 ĝis 2013) estas publike legeblaj ĉe: *http://www.eventoj.hu/juna-amiko/*. Vidu ankaŭ *lernu.net* kaj *edukado.net*. **Redaktoro:** Stano Marček (Zvolenská 15/21, SK 036 01 Martin, Slovakio), *stano.marcek@gmail.com* aŭ *redakcio@gmail.com*. **Lingvaj reviziantoj:** Karine Arakeljan (Armenio), Trezoro Huang Yinbao (Ĉinio), Doi Ĉieko (Japanio). **Rubrikestroj:** Judit Felszeghy, Stefan MacGill (ĉiuj el Hungario), Małgosia Komarnicka (Pollando), Mónika Molnár (Svislando), Elena Nadikova (Rusio), Samuel Bélisle (Svislando), Luiza Carol (Israelo), Baldur Ragnarsson (Islando). **Kunlaboranto:** Raita Pihälä / Saliko (FI). Presita en Slovakio. **Administranto:** Sebastian Cyprich, *ILEI.Oficejo@gmail.com*. **Landaj Perantoj** sur la p. 38. La sekva numero aperos en novembro. **Limdatoj por sendi kontribuaĵojn:** ĝis la fino de januaro, aprilo, aŭgusto kaj oktobro. **Jarabono** €18 en tiel nomataj A-landoj kaj €13 en B-landoj, laŭ la kategorioj de UEA (po €15 kaj €12 por mendo de 3 aŭ pli da ekzempleroj al la sama adreso).

**ISSN 0230 1318**

# Karaj amikoj!



Tiu ĉi numero iom malfruas. La limdato por sendi la kontribuaĵojn, fino de julio, montriĝis ne reala. En julio kaj aŭgusto ja plej multaj el ni ferias, libertempas, partoprenas en multaj Esperanto-aranĝoj: kongresoj, someraj lernejoj, tendaroj, konferencoj... Pri kelkaj el ili vi trovos raportojn aŭ impresojn en tiu ĉi numero de *Juna Amiko*.

Krom tio vi trovos en nia revuo la kutimajn rubrikojn kiel *Bildstrioj* (ĉi-foje pri Koboldeto, Fito kaj Kukuo la Feo), *Konversaciaj Temoj* malkaŝos al vi, ke en Hungario troviĝas bela naturo kun multaj sovaĝaj bestoj kaj eĉ Esperanto-Monto, kaj nia gastiganto konatigos vin kun tre bongustaj hungaraj manĝaĵoj, kantoj, dancoj, ludoj kaj tradiciaj festoj en Hungario.

En la rubriko *Ekstere* vi ekscios multon interesan pri la tre laborema kaj neimageble utila mieldona kaj „fruktodona" insekto – abelo.

Ankaŭ la ŝatantoj de matematiko denove konvinkiĝos, ke ĝi estas ne nur reĝino de la sciencoj, sed ke per ĝi oni povas ankaŭ amuziĝi.

Ĉu legado de libroj ne plu havas sencon en nia moderna tempo? La rubriko *Legu kaj ĝuu* klopodos konvinki vin, ke tio ne estas vero, kaj rekomendos al vi plian legindan verkon.

La tre alte situantan montaran landon en meza Azio, Taĝikion, vi povas viziti per la rubriko *Ekkonu mian landon pere de ĝia legendo*.

Ĉu ekzistas gigantoj? Jes! Kaj ne nur en legendoj! Unu el ili, Naturamiko, partoprenis eĉ la jubilean 100an Universalan Kongreson de Esperanto en Lillo, Francio.

Ŝatantoj de malnovaj trajnoj povas kun ni viziti fervojan muzeon en Finnlando, vojaĝemaj esperantistoj povas viziti Rusiajn Esperanto-Tagojn en Ĉuvaŝio, veturi per kosma ŝipo al la Luno, viziti teatron, ekkoni interesajn librojn, aŭ kanti kun *Juna Amiko*...

Agrablan legadon!

via redaktoro **Stano Marček**

# La prezidanto salutas vin !



Kaj la prezidanto deziras unue kaj elkore saluti du knabojn, kiuj riĉigas nian revuon: **Samuel** jam delonge, de pli ol jaro, produktas interesajn tekstojn pri la naturo, pri bestoj kaj iliaj ecoj kaj kutimoj. En tiu ĉi numero aperas kontribuo de alia knabo, **Jan**, kiu raportas pri sia partopreno en Universala Kongreso de Esperanto. Okaze de tiu evento li plurfoje sidis apud Mirejo, kaj ili povis iom babili, kvankam dum kunsido oni devas atenti kaj rezigni pri babilado… Rigardu la fotojn de Samuel kaj de Jan: ili estas preskaŭ samaĝaj!

La prezidanto kompreneble salutas ĉiujn legantojn kaj deziras al ili agrablan legadon! Mirejo ne forgesas ĉiujn aliajn personojn, kiuj kontribuas al la beleco, valoro kaj allogo de *Juna Amiko*.

**Mirejo Grosjean**

# Gastigado dum somermeza festeno en Hungario

Help-materialo por ekzamenotoj. Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. Ekskurso al la Danubkurbiĝo

**Inter mi (MI), hungara gastiganto kaj mia ŝatata esperantista gasto (GA).**

MI – La monteto, kie ni nun staras, nomiĝas Esperanto-Monto! La Belvidejo Zamenhof bedaŭrinde jam ne ekzistas, eble iam ĝi estos rekonstruita.

GA – Kia bela panoramo!

MI – Jes, tiu ĉi estas unu el la plej allogaj lokoj de nia lando. La riverego Danubo turnas sian direkton de Oriento al Sudo, traboras la Nordan Mezmontaron, kaj duonigas la landon al la okcidenta Transdanubio kaj al la orienta Ebenaĵo. Ne nur la lando, sed tiel ankaŭ la ĉefurbo estas dividita, al la montara Buda kaj al la dense loĝata Pest. Tion ni rigardos postmorgaŭ!

GA – Tiuj ĉi montoj estas pitoreske belaj! Kiom altaj ili estas?

MI – Jes, multaj pentris tiun ĉi Danubkurbiĝon! Ne tro altaj, la plej alta pinto estas sur la nivelo de 700 metroj, sed ili estas sufiĉe krutaj. En Hungario ne estas altaj montoj, la plej alta atingas nur iom pli ol mil metrojn, ankaŭ ĝi situas en tiu ĉi norda montaro, sed ili estas belaj, kovritaj per miksita arbaro.

GA – Interese, de ĉi tie ili aspektas tamen pli altaj.

MI – Ĉu vi vidas tie vidalvide la fortikaĵon?

GA – Jes! En belega loko ĝi kuŝas!

MI – Jes, kaj ankaŭ bone defendata, en unu flanko ĉirkaŭas la krutan fortikaĵmonton la riverego, dum malantaŭe la montaro. Ĉi tiu loko estis dum certa tempo eĉ la ĉefurbo de Hungario, ankaŭ grava internacia renkonto disvolviĝis ĉi tie, kun partopreno de eŭropaj reĝoj kaj princoj, por interkonsenti pri politikaj kaj ekonomiaj demandoj, meze de la 14a jarcento.

GA – Kiam fariĝis Budapeŝto la ĉefurbo? Ankaŭ ĝia situo estas tre avantaĝa, meze de la lando!

MI – Pli frue alia urbo estis la sidejo de la hungaraj reĝoj, same meze, sed pli sude, sen riverego tamen! Unu el niaj plej grandaj reĝoj, la renesanca Matiaso, faris Buda-n la ĉefurbo, al ĝi poste aliĝis ankaŭ Pest, kaj en la 19a jarcento naskiĝis Budapeŝto.



GA – Ho, mi ne povas rememori pri tiom da datumoj! Prefere ni ankoraŭ promenu en la arbaro! Ĉu estas ĉi tie ankaŭ sovaĝbestoj?

MI – Ni povas renkonti aprojn, vulpojn, kapreolojn, damaojn, ankaŭ cervojn, malpli ofte sovaĝan katon kaj eble eĉ lupon. Sed pli ofte la pli malgrandaj ronĝuloj troveblas ĉie.

GA – Estis tre agrable promeni kaj grimpadi en tiu ĉi montaro! Dankon! Kiun programon ni havos morgaŭ?

# II. Kio estos sur la telero?

**Inter mi (MI), hungara gastiganto kaj mia ŝatata esperantista gasto (GA).**

MI – Hodiaŭ disvolviĝas la Somermeza Festo en nia vilaĝo, kun diversaj programeroj. Ĉu vin interesas kuirkonkurso?

GA – Kompreneble! Kiuj konkursos, ĉu profesiaj kuiristoj?

MI – Ne, sed iu ajn solulo aŭ grupeto el la vilaĝo! Ili kunportas kaldronon kaj krudan materialon, surloke ili estos provizitaj per brulligno. Venu, rigardu kio bolas en la kaldronoj!

GA – Hungaroj pretigas subĉiele manĝaĵojn, ĉu ĉiam nur en kaldrono?

MI – Jes, ĉefe! Tio havas tradiciojn, kaj tiu maniero montriĝas la plej taŭga. En la kaldrono prepariĝas la plej famaj hungarecaj pladoj, el viando kaj fiŝo, kun aldono de cepo, kapsiko, papriko. Eble vi jam aŭdis pri la fama gulaŝ-supo, fiŝista supo, sed popularaj estas la paprika terpomo, la diversaj paŝtistaj pladoj kun lardo, kolbaso, pastaĵo.

GA – Hm! Kiel mirinda parfumo venas el tiuj kaldronoj! Mi jam malsatiĝis!

MI – Do, ni iru tagmanĝi al proksima



restoracio, kaj poste ni partoprenos la posttagmezajn programojn!

GA – Konsentite! Kiun pladon vi proponas al mi? Mi nepre deziras provi iun hungarecan.

MI – Ni elektu por vi *perkelton* el hungara griza bovo, kun nokoj, kaj kukumo-salaton kun acida kremo. Kaj poste… se vi ankoraŭ povos manĝi, tavolkukon kun acida ĉerizo kaj kazeo. Mi mem ege volonte manĝus farĉitan brasikon, sed indas atenti pri mia figuro… tiel mi kontentigos min per patkuko laŭ maniero „Hortobagy”, tio signifas stufitan, erigitan, spicitan porkaĵon envolvitan per maldika tavolo de pastaĵo, en paprika saŭco. Ni mendu ankaŭ vinon, sekan, ruĝan por la bovaĵo, kaj dolĉan, blankan por la deserto.

GA – Ho… mi sentas, ke mi eĉ ekmoviĝi ne povas post tiu ĉi abunda tagmanĝo! Sed estis ĉio ege bongusta, vi bone elektis la menuon por mi!

MI – Mi ĝojas, ke ĝi plaĉis al vi! Sed nun ni iru, ĉar baldaŭ komenciĝos la posttagmeza programo!



# III. Kantoj, dancoj, ludoj

**Inter mi (MI), hungara gastiganto kaj mia ŝatata esperantista gasto (GA).**

GA – En via lando nur la viroj dancas, kaj la virinoj rigardas ilin, ĉu?

MI – Vi vidos ankaŭ virinajn dancojn, kaj ankaŭ parajn, sed vere oftas la viraj!

GA – Kiel vigliga muziko! Ĉu tiu ĉi estas la fama ĉardaŝo? Mi tre volonte lernus kiel danci ĝin!

MI – Ekzistas „danc-domoj", kie ĉe aŭtenta muziko eblas lerni diversajn dancojn! Foje ni povos viziti ankaŭ tion.

GA – Bona ideo! Tiuj dancoj tre plaĉas al mi! Kaj kiaj vestaĵoj!

MI – La viroj surhavas tre vastan blankan aŭ bluan „kalsonon", sed por danco pli ofte nigran malvastan pantalonon, kun brodita, aŭ ornamita veŝto kaj blanka ĉemizo. La virina vestaĵo estas pli komplika, tio dependas ne nur de la regiono, de la financa stato, sed ankaŭ de la aĝo, familia stato. Tamen ĉiuj surhavas multajn subjupojn, por ke la supra jupo montriĝu pli vasta. En tiu ĉi regiono la jupoj estas mezlongaj kun multaj subjupoj, diverskoloraj silkaj veŝtoj, blanka ĉemizo kaj bunta kapornamo por virinoj.

GA – Kio estas nun prezentata sur la scenejo?

MI – Dancoj, kantoj kaj tradicioj pri rikolto: tio estas eble la plej grava evento de la jaro. Rigardu, por la kampara laboro la virinoj ne surhavas tiom da subjupoj, kaj ankaŭ la koloroj estas malpli viglaj. Fininte la pezan laboron, la kamparanoj festas, knabinoj kaj viroj gaje kantas kaj dancas kune. Ofte okazas geedziĝoj tuj post la rikolto de tritiko.



GA – Kiuj gravaj festenoj havas tradiciojn?

MI – Ĉefe la religiaj festoj, kiel Kristnasko, Pasko, Pentekosto, kaj ankaŭ la rikolto de vinberoj, krome ankaŭ pli malgravaj festenoj havas tradiciojn. Nia vilaĝo ĉiujare okazigas dutagajn festenojn je Somermezo, tio estas la somera „solstico", kiam la norda hemisfero estas plej proksime al la Suno.

GA – Estas fajro!

MI – Jes, ni ne rimarkis, ke dum la dancado laboremaj manoj preparis malgrandan ŝtiparon, por transsalti ĝin.

GA – Kial riskas la virinoj, ke ili bruligas la gambojn, ankaŭ la belajn jupojn?

MI – Aŭskultu la kantojn: Tiu fajro purigas vin (mi supozas, de viaj pekoj), de malbono.

GA – Vidu! La juna viro kaptas tiun junan virinon, por kune salti super la fajro!

MI – Jes, oni pensas, ke dume la fajro ekbruligas inter ili la amon.

GA – Povas esti! Laŭ ilia vizaĝo, la amo jam ekflamis! Jam la fajro estas malpli granda, kaj ankaŭ etuloj saltadas jam! Kiel ĉarme estas, ke du plenkreskuloj helpas ilin, kaj la infanoj krias pro la aventuro! Ili nun fieras, ĉar ili povis pruvi sian kuraĝon.

MI – Ĉu vi ne volas danci dume? Mi montros al vi la paŝojn de la hungara ĉardaŝo. Rigardu: ili estas tre simplaj, kaj vi nur sekvu la takton de la muziko!

GA (kantante dancas) – Tra-la-la, tra-la-la! Kiel gaja festeno!

MI – Intertempe entute malheliĝis, la festeno proksimiĝas al sia fino. Ankaŭ ni ekiru, ĉar hejme atendos nin ankoraŭ fajre ruĝa vino!

# Taskoj

a) Legu atente la dialogojn unu post la alia, eĉ plurfoje, kaj respondu la subajn demandojn:
1. Kiun monteton vizitis la gastiganto kaj la gasto?
2. Kiu rivero fluas proksime?
3. Pri kio estas fama tiu loko?
4. En kiu jarcento kuniĝis la partoj de Budapeŝto?
5. Kiuj sovaĝbestoj troveblas en Hungario?
6. Kiujn pladojn mendis la gastiganto en la restoracio?
7. Kia estas la preparado de manĝaĵo, ofta en Hungario?
8. Ĉu vi povas priskribi la virajn kaj virinajn naciajn vestaĵojn?
9. Kiam okazas festenoj en Hungario?
10. Kiun tradicion partoprenis la rolantoj?
b) Rigardu la mapon de via lando, kaj prezentu vian landon (ĝia situo, grandeco, surfaco, ebla divido)!
c) Kio kaj kie estas la ĉefurbo de via lando, kio karakterizas ĝin?
ĉ) Kiuj estas la turisme preferataj lokoj, kial ili estas vizitataj?
d) Skribu leteron al via esperantista amik(in)o, en kiu vi invitas lin (ŝin) partopreni iun popularan feston en via lando; karakterizu la feston, kial ĝi estas inda por partopreni.
e) Preparu prezenton de (almenaŭ unu) vidindaĵo (alloga regiono, aŭ urboparto, bela konstruaĵo aŭ skulptaĵo) aŭ evento (tradicia festo aŭ evento) de via lando! Provu rakonti tion sen skribita helpilo!
f) Preparu 3-tagan programon (kun via/j partnero/j) por esperantista aranĝo en alloga loko de via lando! Prizorgu interesan kaj varian programon, sed ne forgesu pri tranokto kaj manĝebloj!

## Vortklarigoj:

*Belvidejo*: loko por 1 – 50 personoj pli alta ol la ĉirkaŭaĵo por ĉirkaŭrigardi de tie la panoramon. *Norda Mezmontaro:* mez-alta montaro en nord-orienta parto de Hungario. *Transdanubio*: regiono kun malpli altaj montoj, montetoj, trovebla en la okcidenta parto, trans la rivero Danubo. *Defendi*: helpi, protekti iamaniere kontraŭ atako: defendi urbon kontraŭ malamikoj; defendi per armiloj, agoj. *Sidejo*: loko, kie sidas iu aŭ io, centra loko. *Buda, Pest*: ĉefaj partoj de urbo Budapeŝto. *Danubkurbiĝo*: fama geografia loko en Hungario, kie Danubo kurbiĝas. *Kapreolo*: sovaĝbesto el familio cervedoj, rekonebla per la blanka postaĵo kaj la blankmakulita felo de la idoj. *Damao*: sovaĝbesto el familio de cervedoj, kun palmoforma kornaro kaj makulpunktita somera felo. *Kuirkonkurso*: konkurso, kiu preparos la plej bongustan manĝaĵon. *Nokoj*: elpastaj manĝaĵoj ofte en formo ovala, kun specifa fino de kuirado: sinkintaj en bolantan akvon ili revenas flosi sur la akva surfaco kaj tiam estas pretaj. *Perkelto*: speco de viandomanĝaĵo, stufita, rostita en grasaĵo, malmulte da akvo, kun cepo, spicita per papriko, kapsiko. *Ĉardaŝo*: hungardevena muziko kaj danco kun forta, rapida aŭ tre rapida ritmo, kiu allogas al dancado. *Danc-domo*: domo aŭ ejo kun popolmuziko, kie junuloj ellernas kaj praktikas popoldancojn. *Bunta*: diverskolora, varikolora. *Rikolti*: detranĉi kaj kolekti grenon aŭ iun vegetaĵon. *Hemisfero*: ĉiu el la du partoj de la Tero, dividita per la ekvatoro.



**Jan Kozousek estas gimnaziano el Leoben, Stirio, Aŭstrio. Li eklernis Esperanton per lernu.net kaj partoprenis aŭstrian oratoran konkurson por lernantoj kun esperantlingva kontribuo. Por *Juna Amiko* li raportas pri la jubilea Universala Kongreso de Esperanto en Lillo.**




Mi ekvojaĝis al Lillo el Leoben, la neoficiala ĉefurbo de Supra Stirio. Kiam mi turnis al la urbo mian dorson, bruis en miaj oreloj la kanto "Sola". Feliĉe mi ne devis "frosti tiel", nek "rideti al la ŝoforoj", sed povis komforte sidi en (pro la sezono iom tro) varma aŭto. Scivole mi rigardis la ekranon de la navigilo kaj eksciis, ke mi estis atingonta la ĉi-jaran "ĉefurbon de Esperantujo" post nur dek ses horoj. Do, ek al Lillo!

Antaŭ ol ekvojaĝi, mi esploris en Google-mapo, kiujn urbojn mi preterveturos. La unua interesa loko estas Salzburg: Kompreneble oni ne povas multon vidi rigardante de aŭtoŝoseo, sed Salzburg estas escepto: Oni havas sufiĉe bonan superrigardon al la urbo. Kelkajn kilometrojn poste mi vidis la flagon de Germanio, apud la lasta landlima stacio, sed ĉe landlimoj de Germanio al Belgio kaj de Belgio al Francio ne atentigis min flagoj. Feliĉe ni havis navigilon, kies komputila voĉo vekis la jam dormetantajn kunveturantojn: "Vi nun troviĝas en Germanio".

Tranoktinte en bela restoracio en la ĉirkaŭaĵo de la ĉelima urbo Aachen, la sekvan tagon frumatene la Leoben-a delegacio pluvojaĝis. Necesis ankoraŭ dum kelkaj horoj traveturi Belgion, kies ŝajne senfinaj tritikaj kampoj estas vere mirindaj. Ĉi tian pejzaĝon ni renkontos ankaŭ en Norda Francio, dum la ekskurso al Bulonjo ĉe Maro.

La unuan fojon enirinte la kongresejon mi fariĝis iom nervoza. Ĉiaj duboj solviĝis, post kiam mi akceptiĝis ĉe la giĉeto: En la koverto troveblis ĝuste tiuj kuponoj, kiujn mi mendis, kio ja estas miraklo, se konsideri, ke partoprenas pli ol 2500 homoj. Mi prefere ne pensu, kion mi fuŝus, se mi havus la taskon ordigi la ĝustajn (preskaŭ ne distingeblajn) paperpecojn al la ĝustaj (preskaŭ ne distingeblaj) kovertoj. Post la akcepto mi kuris al la programero 'Unuafojaj kongresanoj', kiun unuafojaj kongresanoj ja ne maltrafu. La Konstanta Kongresa Sekretario Clay Magalhães ŝerceme klarigis en plenplena salono Bakker, kiel uzi la kongresan libron, kiel konduti dum la kongreso ktp. Al la (almenaŭ por aŭstroj) plej grava demando li tamen ne liveris respondon: Kie estas la kongresa restoracio?

Dimanĉe matene mi vekiĝis frue, ĉar mi nepre volis okupi bonan sidlokon en la Salono Zamenhof, kie okazis la solena malfermo. Tiun celon mi povis plenumi, sidiĝante en la kvara vico. Post iom da atendado sidiĝis apud mi viro, kies vizaĝo ŝajnis esti konata al mi. Momenton poste mi eksciis, pri kiu temas: Roman Dobrzyński! Tuj mi alparolis lin demandante: "Ĉu vi estas tiu, kiu verkis la Zamenhof-straton?" Post jesa respondo sekvis longa interparolado pri liaj libroj kaj filmoj. La plej bona hazardo de la semajno!

Laŭ mi interesa dimanĉa programero estis "La estraro respondas". Mi aparte scivolis pri ĝi, ĉar la asocian laboron de UEA mi ĝis nun povis sekvi nur legante la revuon *Esperanto* kaj retumante en *liberafolio.org*. Finfine mi havis la ŝancon propraokule vidi la estraron! Tamen, la programero povintus same bone

nomiĝi "Estraro akceptas plendojn pri UK", ĉar la ĉeestantaro ne profitis de la ŝanco informiĝi pri la agadoj de la asocio, sed preferis plendi pri tro malgrandaj salonoj ktp.

Dimanĉe vespere mi ĉeestis la Nacian Vesperon: Kadre de ĝi La Kompanoj prezentis esperantlingvajn tradukojn de kantoj, rilataj al Norda Francio. La plejmulto de la kantoj estis origine verkitaj de Ĵak Brel. Oni bone montris surekrane la kantotekstojn, tiel ke (preskaŭ) ĉiu homo en la salono Zamenhof verve kunkantis.

La kongresa lundo tradicie havas celon klerigi la kongresanaron. Kadre de la programero Kleriga Lundo okazis almenaŭ deko da prelegoj plej diverstemaj. Ili estis treege interesaj, kvankvam mi rimarkis, ke preskaŭ al ĉiu preleganto mankis tempo, tiel ke li aŭ ŝi ne havis ŝancon prezenti al la ĉeestantaro la tutan enhavon de la prelego.

Ekskurstage (merkrede) tri busoj (mi sidis en buso nomata 'Eglefino') veturis al Bulonjo ĉe Maro. Proksimume 300 homoj partoprenis la ekskurson kaj dum la tago manifestaciis, akceptiĝis en la urbodomo, iomete promenis tra la urbocentro kaj manĝis en kvarstela restoracio. Krome oni pendigis sur la urbodomo kaj sur la pinto de la urba turo la Esperanto-flagon, kiu almenaŭ dum unu tago firme flirtis en la "naskiĝurbo de la Esperanto-movado". Enketo de kongresano tamen rezultis malĝojige: Nur unu el kvar preterpasantaj bulonjanoj sciis, kio estas Esperanto.

La ĵaŭda programero, kiu plej bone konserviĝis en mia memoro, estis "La centra oficejo respondas". Ne pro la interesaj demandoj de la ĉeestantoj, sed pro la pensiiĝonta Ĝenerala Direktoro Osmo Buller, kiu finis sian lastan centraoficejan respondadon dirante: "Dankon, estis por mi granda privilegio labori por vi", mi ne forgesos tiun ĉi programeron.

Ĵaŭde vespere mi aparte prepariĝis por la KER-ekzameno kaj por la Oratora Konkurso, kiujn mi intencis partopreni la sekvan tagon. Nur en tiu momento mi rigardis la programon kaj eksciis, ke la ekzameno kaj la konkurso okazos samtempe. Tial mi ne havis la ŝancon partopreni la oratoran konkurson. Iomete konsolis min la fakto, ke mi sukcese trapasis la parolan parton de KER, kiel jam en la nokto post la ekzameno informis min la dum la tuta semajno diligente laboranta teamo de edukado.net.

Sabate okazis la fermo de la kongreso: Ĉiuj gravuloj raportis, kelkaj iomete enuige, kelkaj tre interese. Tion la ĉeestantoj tamen plej verŝajne ne memoros, ĉar la plej granda suprizo okazis fine de la programero: Kelkaj kongresanoj jam estis elirintaj la salonon, kiam, post la flagtransdono kaj la (esperantlingva!) parolado de la urbestro de Nitra, la prezidanto de la Nitra LKK ricevis la parolvicon: Tion, kio sekvis, oni plej bone spektu jutube: *http://bit.ly/1NqkBH4*.

La centa UK do estis plena je epokofaraj momentoj, ne nur pro tio, ke ĝi estis la mejloŝtona centa. Kelkajn diraĵojn kaj okazaĵojn mi certe por ĉiam tenos en memoro. Antaŭ ol ekvojaĝi al Lillo, mi tre atente legis la juli-aŭgustan eldonon de la revuo *Esperanto*. En la rubriko "Malferme" profesoro Humphrey Tonkin rakontis pri la admirinda fakto, ke li jam pasigis jaron en Universalaj Kongresoj (partopreninte entute 52 UKojn): Tiun ĉi nombron mi strebos atingi!





# Abeloj, la laboremaj zzzzumantoj!



**Ni ĉiuj konas la abelojn… – aŭ tion ni ŝatas kredi, ĉu ne? Sed kion ni vere scias pri ili? Almenaŭ, ke ili vivas en societo, estas laboremaj kaj produktas mielon. Sed la mondo de la abeloj estas multe pli mirinda ol tio!**

Homoj ĉiam scivolemis pri abeloj, ekde la pratempoj. Sed oni studadis ilin pli science nur ekde la multaj esploroj de d-ro Karl von Frisch (1886 – 1982). Ekzemple, biologoj provas nun kompreni la kaŭzojn de la amasa malaperado de abeloj. Sed ni unue konatiĝu kun la abelo kiel individuo.

En la abelkolonio troviĝas unu reĝino (la sola, kiu povas demeti ovojn), kelkaj vir-abeloj (utilaj nur por tio, kion vi scias) kaj plurmiloj da nefekundaj laboristinoj.

Kiel ĉiuj insektoj, abelo havas tri-partan korpon. 1: La kapo estas triangula, kun du grandaj okuloj… – sed ankaŭ tri etaj! Sur la kapo ankaŭ la antenoj helpas al komunikado kaj movoj en la mallumo de la abeldomo. 2: La torako ĉefe donas la moviĝadon, portante la ses krurojn kaj la muskolojn de la flugiloj. 3: Fine la abdomeno konsistas el sep flekseblaj ringoj. Ĝi enhavas iun nektarsakon por transporti akvon kaj la kolektitan nektaron, la stomakon, la du sistemojn de spirado kaj cirkulado, ktp. Ĉe la laboristinoj ĝi ankaŭ entenas la vakso-glandojn kaj unu pikilon. Kompreneble la reĝino kaj la virabeloj iom malsimilas kaj havas seksorganojn anstataŭ pikilon, ĉe la fino de la abdomeno.



Saluton,
mi estas Samuel
el Svislando.
Mi kontribuas al *Juna Amiko* per la rubriko pri la naturo. Mi volonte ricevos viajn petojn aŭ komentojn al mia adreso:
*samuel@noos.ch*
Ĝis!







La reĝino povas vivi 4-5 jarojn. Male la laboristino vivas mallonge (nur 3 ĝis 4 semajnojn), sed ŝi… – laboregas! Unue, dum 10 tagoj, ŝi nur purigas la naskiĝĉelojn. Poste ŝi konstruas ilin (kiam ŝiaj vaksoglandoj maturiĝas). Sekve ŝi nutras la larvojn kaj komencas protekti ilin, defendante la kolonion ĉe ĝia pordo. Fine, elirante eksteren, la abelo iĝas kolektantino de nektaro kaj poleno ĝis elĉerpiĝo de siaj fortoj. Imagu: unu abelo povas viziti 250 florojn en unu sola horo kaj re-alporti 500.000 grajnojn da poleno sur siaj kruroj! Nur la aŭtunaj abeloj, kiuj ne kolektas sur floroj, vivas tra la tuta vintro, por flegi novan aron da abeloj en la sekva printempo.

Nun, demandu ĉirkaŭ vi: "Kion la abeloj donas al ni?". Plej ofte vi aŭdos "mielon". Tamen tio estas stranga respondo. Abeloj ne produktas mielon por ĝin doni al ni, sed por nutri sin mem. Ni disponigas al ili domojn kaj panelojn jam vaksitajn… – sed post tio ni ŝtelas ilian mielon! Eĉ donante poste kilogramojn da sukera akvo, per kiu la abeloj devige nutros sin.




Sed aparte de nia ŝtelo, la abeloj ja donas ion al ni, tute nekonscie. Tio eĉ estas multe multe pli valora ol la mielo mem. La abeloj polenumas, fekundigas la plantojn; rolo sen kiu ni havus apenaŭ fruktojn nek plurajn aliajn manĝeblajn plantojn.

Ĉu nur la abeloj tion faras? Ne. La vento, birdoj kaj aliaj insektoj ankaŭ kontribuas al tio. Sed la abeloj solaj faras 80% de tiu absolute necesa laboro. Vi bone legis: okdek procentojn! Ĉu vi povas imagi, kiom malplenaj estus niaj vendejoj, sen la senpaga laboro de niaj etaj kunvivantoj? Ĉu vi kapablas kalkuli ĝian ekonomian valoron? La respondo esprimeblas en milionoj; ne gravas kiun valuton vi uzas!

Tamen, la industriaj kemiaj firmaoj vendas fortajn insekt-mortigilojn. Laŭ ili, por helpi al la agrikulturo, oni devas mortigi la insektojn! Surprizo: abeloj ja insektoj estas!

Informiĝu. Interesiĝu pri la abeloj kaj ilia bredado. Protektu ilin, se vi povas. Tio certe estos fruktodona. Ĝis!




Małgosia Komarnicka

# Ekamu matematikon



**Legante nian rubrikon, vi certe konvinkiĝas, ke matematiko estas uzebla.**

Ĝi ja ebligas kalkuli, ĝi instruas logikan pensadon kaj stimulas nian imagon. Preskaŭ ĉiuj kampoj kunligas sin kun matematiko kaj tial oni diras, ke matematiko estas la reĝino de la sciencoj. Laŭ Galileo Galiei "Matematiko estas la alfabeto, per kiu Dio skribis la mondon". Bedaŭrinde plimulto de lernantoj ne ŝatas matematikon. Tion provas ŝanĝi Bardhyl Selimi, la sekretario de la Albana Esperanto-Instituto, la prezidanto de la albana ILEI-sekcio, eluzante sian pli ol 40-jaran sperton en instruado. Li skribis tre interesan libron „Amuziĝu per matematiko". Laŭ ĝi mi provos proksimigi amuzan bildon de matematiko. Mi invitas tiujn, kiuj ŝatas, kaj tiujn, kiuj ne ŝatas matematikon, ĉeesti en la lecionoj de matematiko kun *Juna Amiko*. Bonvolu tralegi la matematikan taskon kaj provu solvi ĝin. Sekve komparu la solvon kun la solvo proponita de Bardhyl. Ne ĉagreniĝu, se la tasko estas tro malfacila. Vi trovos ankaŭ solvon de la tasko.

**La unua tasko: Manifestacio**



"Se oni envicigus la manifestantojn en la stadiono en vicojn po 10 personoj, restas unu persono; same, se oni envicigus ilin po 9, po 8, po 7, po 6, po 5, po 4, po 3 kaj po 2. Ni scias, ke ilia nombro estas malpli ol 5000.

Divenu, kiom da manifestantoj estas entute?"

**La dua tasko: La patro, la tri filoj kaj la pomoj**



La patro aĉetis kvanton da pomoj. Tion li disdividis al siaj tri filoj. Al la unua li donis la duonon de la tuta kvanto plus duonpomon. Al la dua li donis la duonon de la restinta kvanto plus duonpomon. Same li agis kun la tria filo.

Fine, ne plu restis eĉ unu pomo. Kiom da pomoj aĉetis la patro? Kiom da pomoj ricevis ĉiu filo?

**La tria tasko: La sinjorino de la salamoj**



Iu sinjorino, tre ĝentila kaj bonkora, deziris donaci salamojn al la hundo-posedantoj. Ŝi donacis al la unua la duonon de la salamoj kaj duonpecon da salamo por lia hundo. Al la dua ulo ŝi donacis similmaniere la duonon de la restinta kvanto de salamoj plus duonpecon de salamo por lia hundo. Tiel ŝi agis ĝis la sepa hundoposedanto. Rezulte, la sinjorino ne plu havis eĉ unu salamon ĉe si.

Ĉu vi povas diveni kiom da salamoj posedis la sinjorino dekomence?

(La solvoj estas sur la paĝo 20.)




# Legu kaj ĝuu



Rubrikestro: Małgosia Komarnicka,
ul. Kilińskiego 14/3,
PL-59-300 Lubin,
Pollando,
rete: *malgosia.
junaamiko@gmail.com*



## Legado de libroj estas sensenca

**Ĉu, legante ĉi tiun titolon, vi estas surprizitaj? Kial? Ni ja vivas en la mondo, en kiu ĉiu ago devas doni profiton.**

La homojn oni pritaksas laŭ tio, kiom da mono ili kapablas perlabori. Ni preskaŭ senĉese aŭdas, ke tempo estas mono. Ni aĉetas multajn aĵojn, kiujn ni ne bezonas. Ni jam ne pensas memstare. Ni ne konsideras, ke ekzistas aliaj vidpunktoj. Ni akceptas "nigran scenaron" de la estonteco sen libroj.

Multaj homoj vivas ne legante librojn. Ili opinias, ke legado estas turmento, perdo de la tempo, kiu ne donas profiton. Laŭ ili pli bone estas rigardi filmojn, televidajn programojn, legi nur titolojn de gazetoj, pasigi tempon en kafejoj anstataŭ legi librojn.

La nuntempo postulas de ni plenumadon de multaj vivtaskoj. Tamen mi ne volas vivi en la mondo sen libroj. Kial? Mian respondon vi trovos en nia revuo, legante la rubrikon Legu kaj Ĝuu. Kaj kion vi pensas?

## Klubo de bona libro

La Biblioteko de *Juna Amiko* por junuloj kaj infanoj kreskas dank' al viaj proponoj. Bonvolu sendi viajn proponojn pri libroj, kiuj montras pozitivajn valorojn (ekzemple toleremon, amikecon, apogon al malpli fortaj homoj), helpas kompreni vin mem kaj aliajn, kaj ebligas adaptiĝi al nia iom malgaja realeco. La proponojn kun la titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo sendu al la supra adreso, aldonante la noton: Biblioteko de *Juna Amiko.*

## Rekomendo

Por la Biblioteko de *Juna Amiko* Raita Pyhälä, fama finna esperantistino kaj longdaŭra kunlaborantino de *Juna Amiko,*








konata kiel Saliko, rekomendas la libron *Pinokjo* de Carlo Collodi.



Pinokjo estas unu el la libroj, kiuj amuzas junulojn kaj infanojn mondskale jam de preskaŭ 140 jaroj. La aŭtoro (1826-90) estis fraŭlo, ne havis infanojn, kaj eble tial elpensis lignan pupon, kiu fariĝis vivanta knabo. La verko unue aperis kiel felietono en gazeto, kaj nur poste, en 1883, kiel libro ilustrita de Enrico Marzanti .

La aventuroj de Pinokjo ne ĉiam estas logikaj kaj raciaj, sed admirindas la neelĉerpebla fantazio de Collodi, la ĉiam novaj kaj surprizaj okazaĵoj. Pinokjo volas eviti vizitadon de lernejo. Samtempe li estas bonkora, naiva kaj sincere kredas, ke iam li lernos legi kaj skribi. Longe daŭras ĝis li komencas saĝe konduti kaj ĉesas fidi kamaradojn, kiuj volas nur profiti de li kaj kaŭzas al li danĝerojn, perdojn kaj suferojn. Tia konduto kompreneble spegulas la vivon de infano en la 19a jarcento kaj estas neimagebla al nunaj lernejanoj. Tiu bela libro montras ankaŭ forton de la amo. Ĝepeto, maljuna lignaĵisto, modelis marioneton Pinokjo, kiu multfoje kaŭzis al li nur problemojn. Tamen amo de Ĝepeto al sia marioneto, kiun li traktis kiel filon, venkis ĉiujn obstaklojn kaj finfine Pinokjo fariĝis vera knabo, pri kiu la patro estis fiera.

En Esperanto aperis du tradukoj de Pinokjo, unu de Mirca Marchesi en la frua 20a jarcento, la alia de Giuseppe Croatini (kaŝnomo de Jozefo Horváth) konsiderinde pli poste. Al mi ege plaĉas la flua traduko de Horváth, la dialogoj, kiuj sonas nature. Nun estas havebla la dua eldono (2007, FEL, libro bindita, presebla versio kaj e-libro en formoj ePub, Mobi kaj PDF, vidu *http://www.esperanto.be/fel/but/lib/pino.php*). Mi ĝin rekomendas.

Pinokjo estis plurfoje filmita. Desegne unuafoje en 1940 de la eldonejo Walt Disney.

# Ekkonu mian landon pere de ĝiaj legendoj



## Konkurso ne nur por junaj legantoj

**Ni vizitos belan landon en Centra Azio, Taĝikion, patrujon de la agema esperantisto Firdaŭs Ŝukurov. Li loĝas en Duŝanbe, helpis prepari informojn pri sia lando, kaj elektis legendojn pri ĝi.**



Unue konatiĝu kun la lando de Firdaŭs. Klopodu trovi la menciitajn lokojn sur mapo, legu la legendojn kaj faru konkursajn taskojn.

### Kio allogus min en Taĝikio?

Taĝikio (aŭ Taĝikistano) troviĝas en la centro de Meza Azio. La 9-an de septembro 1991, post la disfalo de Sovetio, ĝi fariĝis sendependa kaj eniris la Unuecon de Sendependaj Ŝtatoj (USŜ). Ĝi havas ĉ. 7 milionojn da loĝantoj. La teritorio etendiĝas de okcidento al oriento je 700 km kaj de nordo al sudo je 350 km. La tuta teritorio de Taĝikio egalas al 143 100 km² kaj plejparte konsistas el tre altaj montaroj kun eternaj neĝo kaj glacio

sur la pintoj. Kvar pintoj estas altaj pli ol 7000 m super la mara nivelo. La plej alta (7495m) havis nomon de la diktatoro Stalin. Nun ĝi havas nomon de la fondinto de la unua taĝika ŝtato antaŭ 1100 jaroj: Ismoil Somoni. La montaroj okupas 93% de la tuta teritorio, la restintaj estas altebenaĵoj. Duono de la teritorio havas altitudon pli ol 3000 m. En Taĝikio ne ekzistas vulkanoj, sed ĝi troviĝas en regiono de tre intensaj seismaj procezoj kun oftaj tertremoj.

Taĝikio estas lando de pitoreskaj valoj kaj lagoj. Proksimume 9000 km$^2$ de la teritorio estas kovrita per glacio. Sep glaciriveroj estas pli ol 20 km longaj. La plej longa havas nomon de naturesploristo Fedĉenko A.P. kaj estas 75 km longa. En Taĝikio komenciĝas kaj fluas preskaŭ ĉiuj mezaziaj riveroj. La lando estas distranĉita per bluaj fadenoj de riveroj kun purega akvo. La plej grandaj el ili estas Sirdarja (2684 km), Amudarja (2315 km), Vahŝo (643 km) kaj Zeravŝano (640 km). La tuta Meza Azio uzas akvon, kiu estas akumulita en la montaroj de Taĝikio.

La diversgradaj reliefo kaj pejzaĝo kaj multspecaj klimataj zonoj ebligas tre riĉan faŭnon kaj flaŭron sur la relative eta teritorio. Oni povas trovi ĉi tie pli ol 5000 diversajn plantojn. El grandfoliaj arboj tie kreskas turkestana platano, kverko, acero, juglando, betulo, diversaj specoj de poplo. En ĝangaloj kreskas sovaĝaj specoj de pom-, pir-, ĉeriz- kaj pistak-arboj. En ĝardenoj multas persimono kaj granatarboj. Ĉie volviĝas vitoj de multspecaj vinberoj.

Montoj kaj valoj de Taĝikio estis menciitaj jam en antikvaj fontoj. En tiu tempo la teritorio de la nuntempa Taĝikio nomiĝis Sogdio. Pri ĝi estas informoj en la Sankta Libro de Zoroastrismo – Avesto (la 1-a jarmilo a.K.). Pri Sogdio rakontas verkoj de antikvaj historiistoj – Herodoto, Eratosfeno, Plinio, Ptolomeo kaj komercisto el Venecio Marko Polo, kiu vojaĝis tra Pamiro en 1273. Nuntempe la loĝantoj de nur kelkaj malgrandaj vilaĝoj parolas la sogdan lingvon, kaj konfesas la antaŭislaman religion – la religion de fajr-adorantoj.

La fondinto de la dinastio de Samanidoj estis taĝiko Somon, kiu en la komenco de la 9-a jarcento akceptis islamon. Vorto "taĝiko" signifas "havanta kronon", ĉar la anoj de la samanida tribo portis surkape plumojn, similan al krono. La nepoj de Somon regis en diversaj partoj de la reĝlando. En tiu periodo plu progresis agrikulturo, montarminado, metioj kaj komercado. En la 9-a kaj 10-a jarcentoj en la reĝlando, surbaze de diversaj sogdaj triboj, kiuj parolis diversajn dialektojn de la daria lingvo, finiĝis la procezo de la formado de la taĝika nacio. En la periodo de la regado de Samanid-dinastio estis fondita la unua ŝtato de taĝikoj. La centro de tiu ŝtato estis la urbo Buharao. En Buharao troviĝas maŭzoleo de la reĝo Ismoil Somoni. Altan nivelon atingis tiam la kulturo de taĝika popolo. Intense progresadis sciencoj: matematiko, astronomio, geografio, medicino, filologio kaj aliaj. Ĉefaj urboj: Buharao, Samarkando, Mervo kaj Hoĝento, fariĝis centroj de la kulturo. En tiu periodo evoluis ankaŭ muzika kulturo. Tiam aperis klasika taĝika muziko nomata *Ŝaŝmakom*. Danke al granda poeto Abu Abdallah Ĝafar ibn Muhamad Rudaki disvolviĝis klasika literaturo. En tiu periodo kreis ankaŭ granda poeto, la aŭtoro de la poemo "Ŝahname" (la libro de reĝoj) Abulkasim Firdaŭsi kaj la mondfama kuracisto Abu Ali ibn Sino (Avicenna).

Dum la sovetia periodo Taĝikio multe progresis. Estis realigitaj ankaŭ bonaj sociaj ŝanĝoj, nekredeblaj laŭ sia skalo. Tio tute ŝanĝis la spiriton de la popolo, kiu estis eliranta el malklereco. Antaŭ la revolucio el 200 taĝikoj nur unu scipovis legi kaj skribi. La virinoj ne havis rajton lerni. Hodiaŭ Taĝikio estas lando sen analfabetoj. Estis funkciigitaj dekoj da institutoj kaj universitatoj por studado. Duono el la studentoj estas knabinoj. Indas mencii, ke en ĉi kampanjo gravegan rolon plenumis la rusa lingvo – lingvo de amikeco inter la sovetiaj popoloj, kiu malfermis la vojon al spiritaj riĉaĵoj de aliaj popoloj.

La disfalo de Sovetio en 1991 kaŭzis en 1992-1997 civitanan militon. La popolo ege suferis, falinte en mizeron. Estis detruitaj kelkaj urboj en la suda parto de la lando, masakritaj ĉ. cent miloj da tute senkulpaj homoj. Ĉefrolantoj de diversaj movadoj tiel venĝis unu la alian. Timante esti mortigitaj, homoj fuĝis al najbaraj landoj, plejparte al Rusio kaj Afganio. Post kiam la situacio stabiliĝis, multaj el ili revenis. Nuntempe Taĝikio havas bonajn ekonomiajn rilatojn kun najbaraj landoj. Dum la lastaj jaroj estis rekonstruitaj kaj novkonstruitaj centoj da lernejoj, universitatoj, fabrikoj kaj uzinoj. Estis konstruitaj kaj riparitaj miloj da kilometroj de aŭtovojoj.

En Taĝikio oni havas neordinaran senton al akvo. Popola proverbo diras: "Kie estas akvo – tie estas vivo". Nun la iama dezerto, Vahŝa valo, fariĝis perlo de la lando. Tie oni nun plantas citrusajn fruktojn kaj la plej bonan specon de kotono. Preskaŭ ĉio estis nova por la popolo kaj por la respubliko. Taĝikio eksportas kotonon kaj aluminion. La atingaĵoj en diversaj sferoj de la ekonomia kaj socia vivo okulfrape pruvas, ke dum kelkaj jardekoj pasis tuta epoko.

La ĉefurbo Duŝanbe tagon post tago aspektas pli bele kaj allogas eksterlandajn turistojn. Taĝikio estas agnoskita en la mondo kiel demokratia sekulara (monduma) respubliko.

En Taĝikio ekzistas tradicio de Esperanto-movado. Pro ekonomia situacio la movado nuntempe stagnas, sed la lokaj esperantistoj penas okazigi Esperanto-eventojn, renkontiĝojn kaj kursojn de la lingvo.

## Legendoj

Unu el plej grandaj turistaj allogaĵoj estas la lago Ikanderkul. Ĝi troviĝas en nordokcidenta parto de Taĝikio, kaj kion signifas ĝia nomo, vi ekscios el la legendoj pri ĝi. Por ekkoni de kie devenas la nomo "Sep belulinoj" tralegu la legendon pri Marguzoraj Lagoj.

## Legendo pri la lago Ikanderkul

La kruela konkerinto Aleksandro la Granda konkeris la tutan Mezan Azion krom Sogdio, kie loĝis la prauloj de taĝikoj. Aleksandro decidis dronigi la armeon de la loka reĝo Spitameno, kiu ne volis subiĝi. Li ordonis al siaj soldatoj digi la rapidkuran riveron Sarytag. Post kiam akumuliĝis sufiĉe da akvo, li ordonis detrui parton de la digo. La tempesta diluvo forviŝis la armeon de Spitameno kaj venigis la kadavrojn al la Zeravŝana valo. Spitameno savis sin kaj volis rifuĝi en kavernon, sed malamika sago atingis lin en la lasta momento.

La kadavro de Spitameno bone konserviĝis ĝis hodiaŭaj tagoj en la kaverno apud la vilaĝo Makŝevat. La lokanoj nomas lin Hoĝa Ishok, kaj la lago ricevis la nomon de Aleksandro la Granda (en la taĝika lingvo Ikanderkul).

## Legendo pri Marguzoraj Lagoj

En la montfendejo de la rivero Ŝing troviĝas sep ĉarmaj lagoj, kvazaŭ briliantoj, surmetitaj sur la blua fadeno de la rivero. Iliaj nomoj estas: Miĵgon, Soja, Guŝor, Nofin, Hurdak, Marguzor, Hazorĉaŝma. Kutime oni nomas la lagojn "Sep belulinoj".

Multe da akvo estas forfluinta de la tempo kiam loĝis tie malriĉa vilaĝano. Ege li volis havi filon, kiu povus helpi en la streĉa kaj malfacila vivo, sed la amata edzino ĉiam donacis al li filinon, pli belan ol la aliaj. Post la akuŝo de la sepa filino ŝi malsaniĝis kaj baldaŭ mortis. Estis tre malfacile por la patro, sed li kreskigis ĉiujn. Venis tempo por edzinigi la plej aĝan. Pri tio eksciis unu riĉulo el la alia vilaĝo. Li venis al la malriĉulo por vidi la fraŭlinon. Post kiam li ekvidis la filinojn, li ekflamiĝis al ĉiuj. Li diris al la patro, ke li por ĉiam forgesos pri la mizero, se li donos la filinojn al la haremo de la riĉulo. Se li ne faros tion memvole, la riĉulo perforte faros tion.

Tre ĉagreniĝis la maljunulo kaj petis permeson por pripensi la proponon. Post kiam la riĉulo forrajdis, la patro rakontis



ĉion al la filinoj. Ili iĝis malĝojaj, dirante, ke ili preferas morti anstataŭ iri al la haremo de la riĉulo. La tutan nokton preĝis la maljunulo kaj petis helpon de la Dio. Liaj preĝoj atingis la kreinton de la universo. Skuiĝis la tero, ekbrilis la steloj, ekflamiĝis la fulmoj kaj ĉiuj florantaj ĝardenoj kaj kampoj de la riĉulo transformiĝis al ŝtonozaj montoj. La maljunulo transformiĝis al la monta rivero kaj la filinoj – al sep multkoloraj lagoj.

## La konkursa tasko

1. Trovu la najbarajn landojn de Taĝikio sur la mapo. Skribu iliajn nomojn al ni.

2. Redaktu demandojn (almenaŭ 10) pri la teksto pri Taĝikio. Se vi ŝatas desegni aŭ pentri, sendu bildo(j)n, kiu(j) prezentas la tekston de "Ekkonu mian landon pere de ĝia legendo".

La konkursan taskon bonvolu sendi, kun viaj nomo, adreso kaj indiko "Konkurso – legendo" ĝis la 30a de oktobro 2015 al la adreso de Centrum Edukacji Międzykulturowej – Biuro Regionalne Wrocław, ulica (strato) Legnicka 65, PL 54-206 Wrocław, Polska – Pollando.

Valorajn premiojn donis la Centro de Interkultura Edukado – Regiona Buroo Vroclavo.

## Proverboj

Finante la rubrikon mi enmetas kelkajn proverbojn pri montoj el la ***Esperanta proverbaro*** de L. L. Zamenhof.

*Inter faro kaj rakonto staras meze granda monto. Eĉ guto malgranda, konstante frapante, traboras la monton granitan. Promesi orajn montojn. Monto gravediĝis, muso naskiĝis. Se neĝas sur la monto, estas malvarme en la valo. Belaj rakontoj el trans la montoj. Kio post la montoj kuŝas, tio nin neniom tuŝas. Ne venas mont' al monto, sed homo homon renkontas. Li jam estas trans montoj kaj maro. Jen staras la bovoj antaŭ la monto!*





Fotoj: Firdaŭs Ŝukurov

Brigitte kaj Jean-Pierre Quiquempois

# La Gigantoj

## De kie ili devenas?

Malfacilas ekzakte precizigi originon de la gigantoj kaj ties karnavalaj paradoj. Ilia historio ligiĝas kun la popolaj legendoj kaj fontas el rakontoj de bibliaj sanktuloj kaj herooj de la mitologio. La unuaj pupegoj el vimeno probable ekaperis unue en religiaj procesioj.

En Nordio eblas trovi unuajn menciojn pri ili jam en la 16a jarcento en la urboj Dovajo (Douai) kaj Dunkirko (Dunkerque), dum spuroj ekzistas en Portugalio jam de la 13a jarcento, kaj de la 15a jarcento en belgaj provincoj. La procesiaj gigantoj iom post iom iĝas karnavalaj gigantoj. Ili reaktualiĝas dum la 19a jarcento dank' al la ĉeval-ĉaraj festoj, prezentantaj grandajn eventojn de lokaj historioj.

Laŭ la tempo la signifo de tiuj figuroj ŝanĝiĝas. Hodiaŭ ili fontas el loka historio, aŭ regiona metio (fiŝisto, bakisto, hakisto, kantisto k.a.), kaj iĝis simboloj de regiono, urbo, kvartalo, asocio, homgrupo. Aktuale nombreblas pli ol 500 gigantoj en norda Francio, ĉirkaŭ 1500 en Belgio kaj 2000 en Katalunio.



Sur la foto: Naturamiko kun siaj gepatroj Brigitte kaj Jean-Pierre Quiqempois kaj la geonkloj Klodin' Pomirol kaj Marcelo Redulez.

## La gigantoj, popola arto!

Komence, ĉe nask(iĝ)o de giganto, ĉiam impulsas revo kaj volo de homgrupo. Ĝi fariĝas vivanta simbolo de tiu grupo kaj kontribuas re- kaj/aŭ plu-vivigi ties kolektivan memoron kaj sociajn rilatojn. Ĝi trovas sian lokon dum ties festo, kiu fariĝas la festo de la giganto.

La gigantoj socie vivadas! Post sia naskiĝo giganto povas esti civile laike baptita en ĉeesto de siaj bapto-gepatroj. Gigantoj geedziĝas kaj naskas gigantajn idojn. Ili krome invitas sin por dancadoj kaj animadoj de la stratoj. Ili vojaĝas. Ĉiujn tiujn eventojn akompanas grandaj

novaj internaciaj festoj! La gigantoj ĉiuj malsamas. Plej ofte ili staras sur vimena stuk-turo. Por la kapo kaj la manoj estas uzitaj gipso, kartona pastaĵo aŭ poliestera rezino por la plej modernaj. La gigantoj estas aŭ portataj (plej ofte de unu ĝis ses personoj laŭ la grandeco kaj pezo – eksterordinare la 14m-altan giganton el Nieuport en Belgio portas 24 portantoj!), puŝataj sur propraj radetoj, aŭ starigitaj sur ĉaroj. Multegajn laborhorojn deĵoras tuta skipo por krei belan giganton.




## La giganto Naturamiko

Kadre de la preparado de la nacia kongreso de sia franca federacio, paske de la jaro 2012 en Gravelines (Nordio), la lillaj naturamikoj ekdeziris krei giganton. La konstrulaboroj komenciĝis komence de februaro 2010 kaj finiĝis en aprilo 2011. Dum pluraj sabatoj dudeko da plenkreskaj volontuloj kaj tri infanoj laŭvice mobiliziĝis por konstrui la giganton, formi, kolorigi kaj vesti ĝin. Sume pli ol 500 laborhoroj necesis. Ĝia strukturo kaj vestaro konsistas nur el reuzitaj materialoj!

Ĝin oni nomis Naturamiko ekde januaro 2012.

En aŭgusto 2012, okaze de la 100-jariĝa jubileo de la Internacia Asocio de la Naturamikoj en Strasburgo, ĝi promenis laŭlonge de la rivero Rejno ĉe la ponta pasejo de la du bordoj.

Naturamiko estis oficiale baptita en la plenaera muzeo de Villeneuve d'Ascq (ĉe Lillo) en junio 2013. Liaj baptogepatroj estas Pierre Degeyter (giganta figuro de la komponisto de La Internacio, kiu tie naskiĝis) kaj Epona (keltgaŭla diino de fertiligo).

Naturamiko kunanimis la franko-foniajn festojn en Normandio (Houlgate) en majo 2014, la lokajn festojn de Fives en Lillo en junio 2015, kaj ĉefrolis dum la inaŭgura nacia vespero de la 100a Universala Kongreso de UEA en Lillo la 26an de julio 2015.

Elfrancigis Marcel Redoulez

## Solvo el la p. 13



**La unua tasko:** Ni notu per X la nombron de manifestantoj.
Tio estas, (X-1) devas dividiĝi per ties malplej granda komuna multoblo, kiu estas: 2x2x2x3x3x5x7= 2520.
Tio estas X-1 = K x 2520, kie K estas natura nombro por nia problemo.
Sekve X = 2520 x K +1.
Se ni prenas K >1, ni transpasas la nombron 5000. Tial restas K =1 kaj entute manifestantoj estas 2521.

**La dua tasko:** Ni ekiru de la lasta filo, la tria, kiu ricevis ½ +1/2 = 1 pomon. Ĉi pomon estas postlasinta la dua filo, kiu mem estas ricevinta 1 ½ +1/2 = 2 pomojn. La unua estas ricevinta 4 pomojn. Do entute la patro alportis hejmen 7 pomojn.

Pruvo: ½ x 7 +1/2 = 4; 7 – 4 = 3; ½ x 3 +1/2 = 2; 3 - 2 = 1; ½ x 1 +1/2 = 1; 1-1= 0

**La tria tasko:** La sinjorino havis dekomence entute 127 salamojn. Pruvu! La unua estas ricevinta 64, la dua 32, la tria 16, la kvara 8, la kvina 4, la sesa 2 kaj la sepa 1 salamon.



Saliko (Raita Pyhälä)

# Kun avo en fervoja muzeo

**La geavoj de Paŭlo post longega paŭzo venis viziti la familion de sia filino Laŭra. Kiam ili alvenis, ĉiuj ĝojis, brakumis, kisis unu la alian kaj ridis. Dum unu-du tagoj oni multe interparolis, precipe dum la komunaj manĝoj.**

Poste okazis, ke la viroj iom retiriĝis de la daŭra babilado. La virinoj ja ofte parolis pri aferoj, kiuj ne virojn tiom interesas: kurtenoj kaj floroj, kuirado kaj vestaĵoj, purigado kaj lavado... Antaŭ ĉio Laŭra kaj Avino rememoradis la foran infanaĝon de Laŭra. Ili komparis ĝin kun la infanaĝaj eventoj, ludoj kaj hazardoj de ŝiaj gefratoj, gekuzoj kaj ankaŭ kun la eventoj en la vivo de Paŭlo, kiu nun havas jam 11 jarojn.

Avo, Paĉjo kaj Paŭlo alvenas sur la muzean kajon. Tie jam staras kelkaj pasaĝeroj, ĉefe avoj kun genepoj. Ilia historia vojaĝo komenciĝos post





kvin minutoj. La lokomotivo anhelas, spirblovas, eligas  nubojn da fumo kaj blanka vaporo. Ĝi siblas kaj bruas kiel vivanta monstro. La avoj entuziasme parolas unuj al la aliaj. Ili volas montri kaj klarigi ĉion, kion ili scias pri veturado sur reloj en la pasinteco. La lokomotivestro kontrolas gaŭĝojn kaj la glimajn nigrajn radojn.



Unu el la viroj  sur la kajo surhavas solenajn malhelajn mantelon kaj kaskedon. Lia signal-fajfilo orelŝire sonas kaj li svingas ruĝan flageton.

Paŭlo eniras la vagonon kun Paĉjo kaj Avo. Ili sidiĝas sur la lignajn benkojn. La kupeo ŝajnas interese





alia ol la kupeoj en la elektraj trajnoj, per kiuj Paŭlo jam kelkfoje vojaĝis. Ĉiuj geknaboj volas sidi ĉe fenestroj. Sonorilo akre sonoras. Envenas la bilet-kontrolisto kaj truigas ĉies bileton. La trajno ekmoviĝas, plirapidigas sian ruladon. Aŭdeblas bruoj, krietoj kaj ridoj. Okazas skuoj, iu infano preskaŭ falas de sur sia benko, sed ne ekploras. Tra la fenestroj la pasaĝeroj ekvidas alian trajneton, sur kiu sidas infanoj, ia ŝoforo kaj unu-du gepatroj. Ĝi estas kvazaŭ ludilo kompare kun la metala lokomotivo kaj la vagono, en kiu Paŭlo sidas.

Post la vizito al la fervoja muzeo Avo decidas, ke ili iru hejmen ne per buso, sed per la nova loka trajno. Sur la kajo li demandas iun kontroliston, ĉu la vagono 1 troviĝas ĉe la lokomotivo aŭ en la fino de la vagonaro.

– "Lokomotivo?" diras la kontrolisto. "Lokomotivoj ne plu ekzistas. Ni uzas motorvagonojn. Ili povas esti en ambaŭ finoj aŭ meze." La kontrolisto ridetas al Avo. La suno brilas en la bluega ĉielo. Avo sentas sin iom konfuzita, sed ĉiuj amike rigardas lin. Paŭlo metas sian manon en lian grandan manon.
Li trovas ĉion tre interesa.







Rubrikestro:
Elena Nadikova,
E-klubo “Betuleto”
Lernejo/Ŝkola 56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio
*lena_espero@mail.ru*



# Rusiaj Esperantaj Tagoj

## Saluton, karaj legantoj!

**Sendube vi ne unufoje aŭdis klasikan frazon, ke Esperanto funkcias kiel pontolingvo inter homoj.**

Ĝi unuigas reprezentantojn de diversaj popoloj, kulturoj, religioj, vivstiloj k.a. Tio kutime evidentiĝas dum internaciaj Esperanto-renkontiĝoj, kiam vi havas la eblecon konatiĝi kun homoj kun la plej diversaj sortoj. Tamen





ankaŭ ne tiom grandaj enlandaj aranĝoj donas ekzemplojn de unuiganta “eco” de Esperanto.

Hodiaŭ ni rakontos al vi pri unu el tiuj “internaj” renkontiĝoj, kiuj ankaŭ pruvas “pontecon” de la Internacia lingvo. Temas pri RET – Rusiaj Esperantaj Tagoj, la ĉefa aranĝo de rusiaj esperantistoj en la jaro. Krome, ĉi-jare RET unuiĝis kun la ĉiujara konferenco de REU – Rusia Esperanta Unio.

Okazis RET, eblas diri, en “la koro” de Rusio – en granda Volga Regiono. Tie situas kelkaj naciaj respublikoj de la lando: Baŝkirio, Ĉuvaŝio,  Respubliko Marij El, Mordovio, Tatarstano, Udmurtio. Iliaj popoloj apartenas al malsimilaj lingvaj grupoj, diversaj  religioj kaj tute malsamaj kulturoj. Jen estas tre taŭga favora tereno por utileco de la Internacia lingvo, ĉu ne?

Inter tiuj naciaj respublikoj distingiĝas Ĉuvaŝio, vidpunkte de Esperanta movado.

Tie dum jam multaj jaroj ekzistas kaj bone agadas Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko, kiu unuigas, interalie, ne nur gejunulojn, sed ankaŭ homojn de diversaj aĝoj. La plej konata aranĝo de JEACR estas Ĉeboksara Lingva Festivalo. Ĝi okazas ĉiujare jam dudek jarojn kaj partoprenigas multajn homojn, precipe, certe, junularon.

Ĉuvaŝio mem estas ne tiom granda respubliko laŭ sia teritorio (18.300 kvadrataj kilometroj). Loĝas en ĝi iom pli ol miliono da homoj, 65% estas ĉuvaŝoj, 25% rusoj, aliaj apartenas al pli ol 18 etnoj. La ĉuvaŝa apartenas al la turka grupo de lingvoj. Tamen la ĉefa religio de la plejparto de la loĝantaro estas la ortodoksa.

Trafluas Ĉuvaŝion multaj riveroj, el kiuj la plej grandaj estas Volga kaj Sura. Ĝuste sur ĝia bordo okazis la ĉi-jara RET. Ĝi estas tre pitoreska loko: arbaro sur unu bordo de Sura kaj vastaj herbejoj sur la alia. Kaj bela rivero sub la suno kaj blua ĉielo.

La ĉeftemo de RET estis "Multlingva Rusio". Partoprenis ĝin 58 homoj el 16 urboj de Rusio kaj 5 eksterlandanoj el Finlando, Hispanio, Latvio, Skotlando kaj Svislando.

Kiel ĉiam dum Esperanto-renkontiĝoj, la partoprenantojn ĝojigis abunda, varia kaj interesa programo. Ĉar la ĉeftemo estis ligita kun la lingvoj, multaj programeroj rilatis al diversaj lingvaj





demandoj. Ekzemple okazis kelkaj tre seriozaj kaj samtempe interesaj prelegoj: pri la lingvopolitiko en diversaj naciaj regionoj de la mondo kaj ĝia efektiveco; pri la situacioj kun evoluo de minoritataj lingvoj, pri la diversaj fakoj de lingvaj sciencoj. La partoprenantoj debatis pri instruado de fremdaj kaj gepatraj lingvoj; konatiĝis kun variaj metodoj de lingvoinstruado; konkuris pri lingvokonoj. Dum ripoztempo RET-anoj gaje amuziĝis, deklamis versojn en diversaj lingvoj, multe kantis, ludis logikajn kaj ruzajn ludojn – ĉiam en Esperanto, naĝis en karesaj ondoj de Sura. Kaj, certe, kiel ĉiam dum Esperanto-aranĝoj, lernis la internacian lingvon en diversnivelaj kursoj. La dezirantoj povis ankaŭ studi la ĉuvaŝan lingvon; konatiĝi kun la nacia kulturo.

Aparte necesas rakonti pri interesa scienca agado, iniciatita kaj farita fakte ĝuste danke al Esperanto. Temas pri esplorado de la nuna statuso kaj estonta sorto de unu el naciaj lingvoj de Rusio – la ĉuvaŝa. Ĝin parolas plejparto de la loĝantaro de la respubliko. Ĝi estas deviga lernobjekto en ĉiuj mezaj lernejoj de Ĉuvaŝio. Ĝi estas agnoskita kiel la dua ŝtata lingvo en la respubliko. Tamen… konkludoj faritaj fine de la esplorado estis senkonsolaj: se la situacio samos, post du generacioj la lingvo estos poiome perdita. Sendube tiun situacion travivas, verŝajne, multaj el naciaj lingvoj hodiaŭ, kies popoloj estas malmultnombraj. Tio estas



unu el ĝeneralaj problemoj de la moderna mondo. Tamen menciinda estas la cirkonstanco, ke tiun esploradon iniciatis kaj plenumis… ne, ne ĉuvaŝo, sed…kataluno – la fakulo pri sociolingvistiko! Li speciale translokiĝis en Ĉuvaŝion post sia geedziĝo kun loka esperantistino, por okupiĝi pri sia ŝatata laboro – lingvoesplorado. Ĝi estas tre konvinka ekzemplo de unuigeco de nia Internacia lingvo, ĉu? Mi ne dubas, ke ĉiu aŭskultinto pri tiu esplorado dum la prelego pensis same.

Kiel kutime, estis prezentita dum RET ankaŭ la nacia kulturo. Krom kurso pri la ĉuvaŝa lingvo la partoprenantoj ĝuis muzikajn vesperojn pere de neordinaraj manfaritaj popolaj muzikiloj. RETanoj konatiĝis kun la plej fama poemo de ĉuvaŝa literaturo – "Narspi" de K. Ivanov. Estis organizitaj ekskursoj tra la ĉefurbo de Ĉuvaŝio kaj al la loka ĉevalbredejo.

Dum RET mi intervjuis multajn homojn. Inter la demandoj ĉiam estis la ĉefaj: *Kiam kaj kiel vi eksciis pri Esperanto? Kial vi decidis lerni ĝin? Kio allogas vin en Esperanto-aranĝoj?* Kvankam la demandoj fakte estas tute kutimaj, tamen la respondoj ofte vere surprizis.

Ekzemple, unu virino rakontis, ke ŝi komencis lerni Esperanton por… viziti Japanion. Tiu lando kaj ĝia kulturo tre interesas ŝin. Tamen ĝis nun tio ŝajnis al la virino preskaŭ neatingebla. Nun ŝi aktive lernas la internacian lingvon kaj interesiĝas pri japana Esperanto-movado. Jen kia longa ponto (pli ol sep miloj da kilometroj) aperos inter tiom diversaj





kulturoj, ĉu? Endas aldoni, ke tiu virino havas nun 61 jarojn. Vere, Esperanto ne konas limojn – nek aĝajn nek distancajn…

Alian interesan historion mi aŭdis de finno – ankaŭ jam maljuna homo. Li naskiĝis kaj loĝis en Sovet-Unio. Kiam komenciĝis la dua mondmilito, lin kune kun aliaj infanoj oni evakuis en malfronton – en la urbon Joŝkar-Ola. Ĝi estas la ĉefurbo de la respubliko Marij El (norda "najbarino" de Ĉuvaŝio). Tie pasis lia infaneco. Kaj nun la viro speciale veturis el Finlando al RET por poste viziti la urbon Joŝkar-Ola. Li volas ankaŭ montri al sia filo, bofilino kaj malgranda nepino (kiuj loĝas nun en Latvio) la urbon de sia infaneco. Ĉu ne estas mirinda interplekto de sortoj, eventoj, popoloj?

Do, Esperanto venkas ne nur la aĝon, sed ankaŭ la tempon kaj la spacon, ĉu?

Kiam mi interparolis kun tiu finno kaj lia familio, mi rememoris unu simbolon, kiu estas sufiĉe disvastigita en la klasika rusa literaturo. Temas pri la rivero. Ĝin oni ofte konsideras kiel simbolon de la vojo, kaj ankaŭ de la vivo-vojo. Do, ĉu eble la rivero Sura kolektis tiom diversajn homojn por montri al ili rektan kaj klaran **vojon al interkompreno?**

Mi volas kredi al tio. **Kaj la ponto de tiu interkompreno estu Esperanto – la Internacia lingvo de espero, paco kaj amikeco**.

# La interplaneda vojaĝo



La rubrikon prizorgas Mónika Molnár



**Tempo pasis sur la Luno kaj alvenis la tago de la granda vojaĝo. La granda interplaneda revojaĝo de la Ulidoj al la Tero. Zorgemulido iom timis, sed li provis ne montri tion al la aliaj. Certe ne, ja la emo rehejmiĝi estis multe pli granda ol la timo mem.**

Post la bilet-kontrolo, la aventuremaj Ulidoj serĉis siajn sidlokojn, komforte instaliĝis, fermis la sekur-zonojn kaj iom malpacience atendis la ekiron. Subite, ili ekaŭdis iun strangan bruon... Zorgemulido tuj komencis paniki..

– *Ĉu estas iu problemo pri nia spacŝipo? Ĉu estas la motoro, kiu havas tiun strangan bruon? Kio okazas?*

Esploremulidon ne eblis timigi tiom rapide. Li ĉiam volis scii la ekzaktajn kaŭzojn, do li komencis esplori la bruon.

– *Ne, ne eblas, ke ĝi venas de la motoro, ĉar mi aŭdas ĝin tute proksima. Estas io ĉi tie..., proksime al niaj seĝoj...* – kaj li komencis traserĉi la spac-ŝipon. Li serĉadis senlace, kiam subite li ekkriis:

– *Jen! Mi jam scias kio okazas!*

– *Kio? Kio?* – demandadis la aliaj Ulidoj iom timeme, iom scivoleme. →→ p. 28









**Emma Lizzio: La nano**

La feliĉa, eta nano vivis en la arbaro, li tre ŝatis fari akrobataĵojn.
– *Estas tre bela tago por ludi ekstere! Saluton serpento, kio estas via nomo?*

– *Sssssssssssaluton! Mia nomo estas Mo.*
– *Mo? – Jesssssssss! Mo! Mi esssstassss danĝera sssserpento. Essstu ssssaĝa kaj sssingarda!*













La eta nano ne volis kolerigi la serpenton kaj iris revadi en sian hamakon. Li rimarkis belan birdon, kiu kantis tre bele.

*– Saluton bela birdo!*
*Kio estas via nomo?*
*– Mi nomiĝas Hiku.*
*Mi estas arbara birdo.*
*– Vi kantas tre bele!*
*– Dankon! Vi estas ĝentila.*

La nano tre ŝatis desegni kaj li faris unu desegnaĵon por la bestoj, sed...
*– Ho, ne! Mi havas problemon! Mi havas unu desegnaĵon por du bestoj.*










*– Ne gravas! – diris Hiku.*
*– Gravasssss! Jesssss, gravassss!* – siblis la serpento.
*– Ne, ne gravas.*
*Mi volonte donas la desegnaĵon al la serpento, eĉ se ĝi tre plaĉas al mi.*

*– Atendu!*
*Mi havas ideon!*
La nano reprenis sian krajonon kaj faris du desegnaĵojn. Fine ĉiuj estis kontentaj.





→ p. 26 – *Timemulido! Venu! Elvenu desub la seĝo! Vi ne bezonas kaŝi vin! Des pli vi bezonas fermi vian sekur-zonon SUR la seĝo!* – diris Esploremulido, kiu trovis Timemulidon tremantan sub sia seĝo. La bruon donis liaj dentoj, kiuj senĉese klakadis pro la granda timo.

– *Mi–mi–mi–mi.... i–i–i–iom ti–ti–ti–timas.* – konfesis Timemulido al la gefratoj.

La situacio ne vere surprizis la Ulidojn, ili ja konis Timemulidon kaj ili sciis ankaŭ tion, ke ne valoras simple diri "Ne timu, ĉio iros glate!", tio ne sufiĉos al li. La solvon trovis Dorlotemulido, kiu alportis belan libron en sia sako por la longa vojaĝo.

– *Venu Timemulido! Venu kaj sidiĝu apud min. Mi rakontos al vi interesan, sonĝigan fabelon, kiun mi ricevis de Emma Lizzio ['emma liccio'] pri eta, ĉarma nano. Ĉu vi volas koni la rakonton?*

Kompreneble, Timemulido volis ĝin. ... kaj ne nur li! Ĉiuj lokoj rapide elĉerpiĝis ĉirkaŭ Dorlotemulido, ĉar ĉiuj volis aŭdi la belan rakonton kaj vidi la belajn desegnaĵojn, kiuj akompanis ĝin.

# La furora monodramo Ursula

**La teatraĵo *Ursula – la krio de infano kontraŭ milito* estis pro tre granda intereso de la publiko tri-foje prezentita dum la 100a Universala Kongreso de Esperanto en Lillo, Francio.**




La teatraĵo prezentas aŭtentan viv-sorton de la germanino Ursula. Dum la 2a mondmilito ŝi estis kiel senkonscia bela blonda infano aligita al la nazia rasprotekta programo nomata *Lebensborn* (vivofonto), kies celo estis "bredado" de "superhomoj". Tiu "privilegio" ne ŝirmis ŝin kontraŭ tragikaj militeventoj. Małgosia Komarnicka en la rolo de Ursula prezentas militajn travivaĵojn de tiu berlina infano, sed ankaŭ prezentas kontraŭstaran flankon de la barbara plano, nome la tragikan sorton de infanoj de Varsovio, interalie tiun de Ludoviko Zamenhof, la nepo de la kreinto de Esperanto, pelita en la geton.

Tra Esperanto alfronti ĉiujn militojn kaj batali kontraŭ netoleremo, mal-respekto kaj ĉiuspecaj perfortoj, jen la mesaĝo de tiu prezentado.

Aŭtoris la teatraĵon Roman Dobrzyński, adapte el lia libro *Bona Espero: idealo kaj realo*. Post la prezento venis sur la podion la protagonistoj.

(Laŭ la kongresa libro kaj la kongresa kuriero *Belfrido*)

# La sorĉa kanto-mondo



La rubrikon preparas: Małgosia Komarnicka,
ul. Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin, *malgosia.junaamiko@gmail.com*

**Kanto akompanas nin ĉie… Ni volonte aŭskultas ĝin, ĉar ĝi helpas vidi kaj krei alimaniere la mondon, ebligas revi aŭ transdoni niajn sentojn.**

Mi proponas kune kanti brazilan infanan kanton *En vendej' de Sinjor' Andre*, kiun tradukis Jorge Teles, muzike prilaboris Doriane Rossi kaj sendis al *Juna Amiko* Jose de J Campos Pacheco. Jose eluzas la kanton lernante nomojn de muzikinstrumentoj.

## En vendej´ de sinjor' Andre

*En vendej' de Sinjor' Andre*
*Mi aĉetis la pianeton*
*Plin, plan, plan, la pianeton.*
*Aui, aue, en vendej' de Sinjor' Andre. (2x)*

*En vendej' de Sinjor' Andre*
*Mi aĉetis sonorileton.*
*Dlin, dlin, dlin, sonorileton*
*Plin, plan, plan, la pianeton*
*Aui, aue, en vendej' de Sinjor' Andre. (2x)*

*En vendej' de Sinjor' Andre*
*Mi aĉetis la korneteton.*
*Te, te, te, la korneteton.*
*Dlin, dlin, dlin, sonorileton.*
*Plin, plan, plan, la pianeton*
*Aui, aue, en vendej' de Sinjor' Andre. (2x )*

*En vendej' de Sinjor' Andre*
*Mi aĉetis la violonon.*
*Fin, fin fin, la violonon.*
*Te, te, te, la korneteton*
*Dlin, dlin, dlin, sonorileton.*
*Plin, plan, plan, la pianeton.*
*Aui, aue, en vendej' de Sinjor' Andre. (2x)*

*En vendej' de Sinjor' Andre*
*Mi aĉetis la tambureton.*
*Dum, dum, dum, la tambureton.*
*Fin, fin, fin, la violonon.*
*Te, te, te, la korneteton.*
*Dlin, dlin, dlin, sonorileton.*
*Plin, plan, plan, la pianeton.*
*Aui, aue, en vendej' de Sinjor' Andre. (2x)*




## Kaj nun la taskoj por vi, kiujn prilaboris Jose de J Campos Pacheco:

1. Provu priskribi ĉiun muzikinstrumenton el la kanto nur per unu frazo.
2. Trovu nomojn de muzikinstrumentoj en tiu ĉi magia kvadrato (estas pli ol dek).

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | L | I | R | O | N | F | O |
| G | I | T | A | R | O | L | N |
| N | K | A | O | U | T | U | O |
| A | O | M | N | B | O | T | L |
| R | R | B | E | M | G | O | O |
| A | N | U | G | A | A | K | I |
| Ĉ | E | R | R | T | F | N | V |
| P | T | O | O | N | A | I | P |

**Sendu la solvojn al la adreso:** Centrum Edukacji Międzykulturowej - Biuro Regionalne Wrocław, ulica (strato) Legnicka 65, PL 54-206 Wrocław, Polska/Pollando.

La valorajn premiojn fondis la Centro de Interkultura Edukado – Regiona Buroo Vroclavo.

Bonvolu sendi al mi viajn proponojn, ke ni ekkonu belajn kantojn el la tuta mondo.

Luiza Carol

# Mamutido Miĉjo

**Legolibro por komencantoj. Mikaelo Bronŝtejn. Impeto. Moskvo. 2001 (2a eld). 51 paĝoj. Grade malfaciliĝantaj tekstoj. Kun Esperanta-rusa vortlisto.**

Ĉu vi opinias, ke la legolibroj por komencantaj lingvolernantoj estas enuaj? Se jes, mi povas veti, ke vi ankoraŭ ne legis tiun libreton. Ĝi estas tiom amuza legolibro, ke ĝi povos bonhumorigi iun ajn, sendepende de ties lingvonivelo kaj aĝo. Ĉiukaze, ĝi tre gajigis min.




Se vi estas ruslingvano, vi povos profiti la Esperantan-rusan vortareton troviĝantan ĉe la fino. Alikaze vi povas serĉi la nekonatajn vortojn en vialingva vortaro. [*Parenteze: kiun vortaron vi kutimas uzi? Ĉu vi preferas paperan aŭ elektronikan vortaron? Ĉu vi konas la vortarojn de la programo "lernu!"? Ĉu vi konas ankaŭ la bildvortaron de la sama programo?*]

La libro rakontas pri besto, kiu vivis antaŭ multaj jarmiloj kaj perfekte konserviĝis en glaĉero. La sciencistoj trovis kaj revivigis ĝin, tiel ke ĝi vivas en bestĝardeno apud Moskvo, kiam la rakonto komenciĝas. Temas pri ido de mamuto (la prahistoria elefanto), kiun oni nomis Miĉjo. Ĉar ĝi estas la ununura siaspeca besto en la tuta mondo, Miĉjo altiras grandegan intereson. Zorgas pri Miĉjo ne nur sciencistoj kaj vartistoj, sed ankaŭ du geknaboj kaj unu hundo. Jen kiel oni priskribas la malvarmumon de la mamutido:

*Ĉu vi vidis, kiel tusas la mamutoj? Certe, vi ne vidis tion. Miĉjo levas la rostron, dolore kaj profunde enspiras aeron. Poste ĝi fermas la okulojn, malfermas la buŝon kaj tre sopire elmamutas: "Ŭah-Haa!!!" Kompatinda Miĉjo – ĝi ekmalsanis. Ĝi havas altan temperaturon – pli ol tridek ok gradojn. Oni devas urĝe kuraci Miĉjon.*

Krom afablajn geamikojn la mamutido allogas ankaŭ personojn, kiuj volas nur profiti pere de ĝi. Tiaj estas la agento Krim kaj lia kato Graf, kiujn dungis riĉa sultano el malproksima lando, por alporti al li la mamutidon. Tiu mistera sultano posedas grandan parkon, kie li kolektas elefantojn. Li volas aldoni la mamuton al sia kolekto, kaj ne gravas por li ĉu Krim kaj Graf uzas honestajn aŭ malhonestajn metodojn por plenumi lian volon. En la komenco Krim kaj Graf provas ekscii detalojn pri la mamutido (ekzemple ĝian pezon, la staton de lia sano ktp) kaj interesiĝas, ĉu ĝi estas aĉetebla. Kiam evidentiĝas, ke ĝi ne estas aĉetebla, la sultano ordonas al siaj dungitoj forŝteli ĝin. Mi kopios por vi fragmenton el sekreta telefonparolo inter Krim kaj la fora sultano. Por ke la telefonisto ne komprenu kun kiu li parolos, Krim informas tiun, ke li parolos kun sia bopatro. Tamen, dum la konversacio, Krim emociiĝas kaj forgesas kiel adresiĝi al sia moŝto la sultano. Cetere, Krim provas anstataŭi la vorton "mamuto" per la vorto "poŝtmarko", kio igas la konversacion vere amuza. Jen ĝi:

*– Ha lo, ha lo! Ĉu nulo sep? Fraŭlino, mi ŝatus paroli kun Limpopo. Jes, tuj. Ne, la kodo mankas. Kial postmorgaŭ? Mi havas gravan aferon! Lia moŝto… pardonu, la kosto ne gravas. Mia bofrato… li ne povas atendi… Komprenu, li kolektas elefantojn! Nature, jes – poŝtmarkojn… kun elefantoj. Dankon, dankon, fraŭlino!*

*– Bonan tagon, via moŝt… kara bofrato! Aĥ, tie jam estas nokto… do, bonan nokton! Pardonu, se mi malhelpis vian ripozon. Pardonu, mia kara boavo… bofrato. Mi ne perdis mian lastan saĝon, komprenu… mi bezonas vian konsilon… Via poŝtmarko fartas bone! Ha lo! Jes, la poŝtmarko… ho, kia forgesema vi estas, kara boedzo… bofrato! La poŝtmarko kun elefanto! Jam 450 kilogramojn. Jes, la poŝtmarko. Ĝi bone manĝas. Fruktojn… legomojn… Jes, la poŝtmarko! Same, en la parko. Jes, mi okupiĝas pri tio.*

La sultano sendigas helikopteron, per kiu oni portu la ŝtelotan mamutidon trans la landlimon. Por ke lia mesaĝo restu sekreta, li anstataŭas la vorton “helikoptero” per la vorto “muŝo”. Jen kiel aspektas la ĉifrita telegramo, kiun la sultano sendas al Krim post nelonge:

*En ĝanŝu al nonpla.*
*Ŝomu sevon netame.*
*Uga.*

Kaj jen kiel Krim deĉifras la mesaĝon:

*Ne ŝanĝu la planon. Muŝo venos matene. Agu.*

Vi jam komprenis, ke temas pri la alveno de helikoptero, ĉu ne?

Kiam vi legos la libron, vi trovos tie ankaŭ aliajn amuzajn ĉifrogramojn, kaj ekscios pri multaj neatenditaj travivaĵoj de Miĉjo kaj liaj amikoj. Finfine, danke al la kuraĝo kaj inteligenteco de la hundo Klajd, la polico malhelpas la ŝtelon. La sultano, komprenante, ke pere de malhonesta agado li ne kapablas havigi al si la mamutidon Miĉjo, elturniĝas tiel, ke li sukcesas havigi al si alian mamutidon, pere de admirinda honesta ago. Ĉu vi supozas, ke li serĉigis alian mamutidon en ĉiuj glaĉeroj de la mondo? Ne. Oni ne trovas ĉiutage mamutidojn en glaĉeroj. Fakte, jarcentoj povus pasi ĝis oni trovas unu... Do, kiel plenumis la sultano sian deziron post nur kelkaj jaroj? Kiel li sukcesis per la sama ago gajni ankaŭ la dankon kaj respekton de ĉiuj herooj de la rakonto? Kiel li sukcesis aliformi eĉ Krim kaj Graf en honestajn civitanojn?

Nu, mi lasas vin mem malkovri la misteron.

Agrablan legadon, geamikoj!

Luiza Carol

# Taglibro de mia frato

**Memornotoj de Petr Ginz el la jaroj 1941-1942. Chava Pressburger. Tradukis V. Novobilský kaj V. Novobilská. Eldonejo KAVA-PECH, Dobřichovice, Ĉeĥio. 2005. 136 + 23 paĝoj.**

Tiu ĉi recenzo adresiĝas al gejunuloj minimume 13 jaraĝaj, al tre serioza kaj meditema junularo, samkiel al tre sentema kaj profund-pensema plenkreska publiko. Ĝi fakte adresiĝas al legantoj tutkore interesiĝantaj pri historio, ne pro simpla scivolemo, sed pro la deziro pli bone kompreni nian nunan socion kaj helpi al ties plibonigo. Se antaŭ la legado vi havas almenaŭ ĝeneralajn konojn pri la dua mondmilito, tio ja helpos vin kompreni la socian etoson priskribitan en la libro.

Tiu legaĵo postulas de la leganto grandan kapablon imagi la sentojn kaj la internajn pensojn de adoleskanto, kiu

vivis dum malfacilega tempo kaj spertis tute neordinarajn sociajn travivaĵojn. En fikciaj rakontoj la verkisto per sia arto igas vin sperti diversajn emociojn kaj kompreni la pensmanieron de la protagonisto. Sed tiu ĉi taglibro ne estas beletraĵo. Nek konscia historia atestilo ĝi estas, ĉar Petr Ginz, la aŭtoro de la taglibro, tute ne intencis publikigi ĝin iam ajn. Ĝuste tiu cirkonstanco igas la tekston de Petr tre sincera kaj fidinda dokumento.

Petr komencis verki tiun taglibron en Prago ĉirkaŭ la aĝo de 13 jaroj kaj duono kaj interrompis ĝin je la aĝo de ĉirkaŭ 14 kaj duono, kiam oni sendis lin al Terezino. Dum la tuta jaro, kiam li enigis mallongajn notojn en sian taglibron, Petr ne povis scii, ke lia vivo finiĝos je la aĝo de 16 en la mortigejo de Auschwitz, kien oni sendos lin pro tio, ke lia patro estis judo. Sed ni ja ekscias tion, legante la enkondukon verkitan fare de Chava Pressburger, la pli juna fratino de Petr, kiu supervivis la militon.




Por bone kompreni la tekston de Petr, oni devas legi antaŭe tre atente la enkondukon kaj ankaŭ la rimarkojn de Chava Pressburger pri la taglibro de sia frato. Tiuj rimarkoj troviĝas post la taglibro mem kaj kompletigas ĝin.

Mi elektis por vi pensigan fragmenton el la notoj de Petr je la 4a de oktobro 1941:

*Posttagmeze mi estis ĉe familio Turn kaj en Troja. Estis planitaj konkursoj, sed ili ne efektiviĝis, ĉar estis tro malforta vento kaj iu knabo (14-15-jaraĝa) ŝtonĵetis al ni. Survoje Turn estis haltigita de eble 11-jaraĝa malgranda knabo, kiu diris al li, ke ne estas permesite kontakti la judojn. Li diris ankaŭ, ke li bone konas la leĝojn kaj ke li esploros lian nomon.*

Do, Petr vizitis amikon posttagmeze kaj poste ili promenis kune en Troja (kvartalo de Prago). Ili planis partopreni konkursojn inter memfaritaj ludil-ŝipetoj sur la rivero Vltava, sed ilia plano ne efektiviĝis pro la tro malforta vento kaj ankaŭ pro alia kialo: juna huligano ŝtonĵetis al Petr kaj al ties amiko. Poste aperis alia knabo, kies konduto ŝajnus tute nekomprenebla… se ni ne legus tre atente la rimarkojn de Chava Pressburger. Jen citaĵo el liaj rimarkoj:

*Kiam poste okazis kelkaj solidarecaj manifestacioj flanke de la ĉeĥaj civitanoj […] estis publikigita proklamo, ke ĉiu, kiu estos vidita kune kun judoj, aŭ eble eĉ esprimos publike sian simpation rilate ilin, estos traktata same kiel judo mem: oni limigos al li nutraĵkuponojn,* [ktp]

Nun vi komprenas pli bone la antaŭan citaĵon el la taglibro, ĉu ne? Evidentiĝas, ke la malica malgranda knabo eksciis pri tiu punleĝo kaj tial minacis la nejudan amikon de Petr. Sed kompreni la faktojn mem ne sufiĉas por profunda, matura legado. Dokumentoj el la pasinteco iĝas grandvaloraj por ni, nur kiam pere de ili ni sukcesas pli bone kompreni la nunon kaj pli efike pensi pri la estonteco. Kiel ni povas ligi al la nuno kaj al la estonteco la mallongajn notojn de Petr, skribitajn en la aŭtuno de 1941?

Petr ne plu vivas, sed kion pri la aliaj knaboj, kiujn li renkontis tiun tagon? Se ili vivas, ili estas en siaj okdekaj jaroj nun. Kiel vi supozas, ke Turn rememoras tiun periodon el sia vivo? El la rimarkoj de Chava Pressburger vi

ekscios pri solidarecaj manifestacioj flanke de ĉeĥaj civitanoj, inter kiuj la laboristoj de ĉokoladfabriko en Moravio. Kiel vi supozas, ke Turn opinias pri tiuj manifestacioj? Kiel vi supozas, ke liaj gepatroj edukis lin, koncerne inter-etnajn rilatojn? Kiel vi supozas, ke li mem edukis poste siajn gefilojn kaj genepojn, koncerne inter-etnajn rilatojn?

Tiutempe, kiam televidoj, komputiloj kaj kompufonoj ne ekzistis, la nombro de taglibroj estis multe pli granda ol nun, ĉar la homoj havis pli da tempo por skribi. Supozu do, ke ankaŭ la tiamaj du malicaj knaboj havintus siajn taglibrojn. Kiaj povintus esti iliaj komentoj pri la tiutagaj okazaĵoj? Por imagi ilian vidpunkton, vi devus unue pensi kiom ofte tiuj knaboj aŭdis fiajn ŝablonajn mensogojn pri aliaj etnoj, diskonigitajn pere de radio kaj ĵurnaloj… Se oni apenaŭ kontaktas realajn personojn de alia etno, oni facile povas kredi je ĉiuspecaj fiaj kalumnioj, ree kaj ree eldiritaj en la ĉirkaŭaĵo… Kiel vi supozas, ke tiuj knaboj evoluis post la milito? Kion vi opinias pri la homa kapablo plibonigi sian propran personecon? Kion vi opinias pri la rolo de edukado, kiam temas pri plibonigo de interhomaj rilatoj?


**Petr Ginz (1928–1944): Luna pejzaĝo**, 1942–1944
Desegnaĵo per krajono sur papero, 21 x 14,5 cm
Donaco de O. Ginz, Hajfa, el la kolekto de Art-Muzeo Jad Vaŝem, Jerusalemo

Kio estas “antaŭjuĝo”? Ĉu vi povas doni kelkajn ekzemplojn de gravaj sociaj antaŭjuĝoj, kiujn vi mem rimarkis dum via propra vivo? Ĉu vi jam renkontis en via ĉirkaŭaĵo antaŭjuĝojn koncerne Esperanton? Kiel vi provas neniigi tiujn antaŭjuĝojn?

Miaopinie, se vi volas serioze legi tiun libron, vi devos ĉiupaŝe dum la legado fari al vi tiajn demandojn. Tio povus ŝajni malfacila tasko. Sed kiu akceptos la defion, tiu multe maturiĝos dum la legado kaj multe lernos pri la grandega rolo de edukado koncerne la interhomajn rilatojn.

Chava Pressburger priskribas kun granda amo kaj danko la familian edukadon ricevitan de ŝi kaj ŝia frato. Antaŭ la milito la vivo de la gefratoj ŝajnis gaja kaj senzorga. Ilia patro apartenis al juda familio kaj ilia patrino al ĉeĥa familio, kio ebligis al Petr kaj Chava ricevi donacetojn kaj ĝui agrablajn tagojn okaze kaj de kristanaj kaj de judaj religiaj festoj, ĉe ambaŭ paroj de amantaj kaj amataj geavoj. La gepatroj estis esperantistoj kaj konatiĝis okaze de Esperanta kongreso. Petr kaj lia fratino estis denaskaj esperantistoj. Petr estis scivolema pri sciencoj kaj artoj kaj ŝatis legi sciencfikciajn librojn, precipe romanojn de Jules Verne.

En tiu ĉi libro vi trovos ankaŭ fragmentojn el beletraĵoj verkitaj fare de Petr kaj kelkajn fotokopiojn pri liaj desegnoj. Unu el tiuj desegnoj vi povas vidi supre. Ĝi nomiĝas “Luna pejzaĝo” kaj estis verŝajne inspirita de unu el la romanoj de Jules Verne.

Danke al tiu ĉi desegno oni malkovris la taglibron de Petr Ginz en la jaro 2003, t.e. 62 jarojn post kiam Petr ĉesis enigi notojn en ĝin. La historio de tiu malkovro ja similas sciencfikcian romanon. La ĉefa okazaĵo, kiu ebligis tiun eventon estis… la kosma vojaĝo de tiu ĉi desegno! Mi ne ŝercas. La originala “Luna pejzaĝo” de Petr ja vojaĝis per spacŝipo en 2003. Se vi scivolas pri detaloj, vi trovos ilin en la libro.

# Kvar urboj – kio komuna?

La rubrikon prizorgas: Stefan MacGill



**Kion komunan havas Bulonjo-ĉe-Maro, Lillo (ambaŭ en Francio), Ostendo en Belgio, Szengotthard en Hungario kaj Wiesbaden en Germanio? Kaj kial mi listigis ilin en tiu ordo? Diru unu aferon, kiu estas komuna pri ili. Jes, ili ĉiuj troviĝas en Eŭropo. En la tiukontinenta somero ili ĉiuj gastigis gravan internacian eventon.**




Ostendo, apud-mara urbo en Belgio, akceptis la instruistojn por la 48a Konferenco de ILEI (la eldonanto de ĉi tiu revuo). La urbestro bonvenigis 150 instruistojn en la urbodomo la 18an de julio, kadre de la malfermo de la semajnon longa konferenco. Tio okazis nur kelkajn centimetrojn de la strando. Okazis publikaj koncertoj, prelegoj, seminario kaj variaj vesperaj programoj. Estis elektita nova estraro de ILEI kun sep membroj (antaŭe naŭ) por la sekvaj tri jaroj.

En la 25a de julio okazis en la kongresa palaco de Lillo la inaŭguro de la jubilea centa Universala Kongreso de Esperanto (UK). Ĝi allogis 2698






aliĝintojn, el kiuj nur 1500 povis eniri la Salonon Zamenhof, la cetero devis rigardi la festadon per ekranegoj en aliaj salonoj. Unuafoje la inaŭguro estis filmita kaj realtempe dissendita per la reto. En la 1a de aŭgusto finiĝis la plej granda UK de la lastaj dek kvin jaroj. Dum tiu fermo kante kaj alimaniere salutis la junuloj el la Infana Kongreseto. Okazis tra la semajno nekutime riĉa programo de teatraĵoj kaj koncertoj. En multaj partoj de la urbo – la kvara plej granda en Francio – aperis ŝildoj pri la kongreso, kun bazaj informoj pri la pluraj eroj por la publiko, placaj koncertoj, ekspozicioj kaj futbalmatĉo. La baza slogano estis: "Esperanto – une langue equitable" (justa lingvo).

Komence de aŭgusto okazis la 71a Internacia Junulara Kongreso (IJK) organizita de TEJO, la junulara parto de UEA. Ĝi logis ĉ. 300 personojn, plejparte junulojn, al la mezgermana urbo Wiesbaden apud Frankfurto. Ĉiuvespere ĝueblis muzika programo. Kadre de la aranĝo



okazis la 14a seminario pri Aktivula Maturigo (AMO) kun temo pri lerta kaj trafa farado de fotoj. Estis elektita nova estraro de TEJO por dujara periodo, kun kvin membroj (antaŭe sep).

Por tiuj, kiuj post tiu maratono ankaŭ sopiras je la Esperanta etoso, okazis komuna trajnvojaĝo de Germanio, tra Aŭstrio ĝis Hungario, pli precize al Szentgotthard, kie la Hungara Esperanto-Junularo (HEJ) organizis la Internacian Junularan Semajnon (IJS). Sesdeko da personoj el multaj landoj ĝuis tie pli maldensan, ripozigan programon.




La subskribinto ja partoprenis ĉiujn kvar el tiuj aranĝoj – kvankam la junularajn aranĝojn nur partatempe.



## Ekzercoj

**Legu la artikolon kaj poste plenskribu la tabelon:**

| Loko | Kio? | Organizis | Kiam | Kiom? |
|---|---|---|---|---|
| Bulonjo-ĉe-Maro | | UEA | | ĉ. 300 |
| Lillo | 100a UK | | | |
| Ostendo | | | | |
| Wiesbaden | | | | |
| Szentgotthard | | | 8-15 aŭg. | |

## Demandoj

**Respondu per *neniu, ĉiu, unu, du* aŭ alia nombro:**

❶ Kiom el la urboj havas monton (min. 2000 metran) ene de 20 km.
❷ Kiom el la urboj havas fervojan stacion?
❸ Kiom el la urboj estas ĉe maro?
❹ Kiom el la urboj havas artikolon en la Esperanta vikipedio?
❺ Kiom el la urboj troviĝas ekster-eŭrope?
❻ Kiom da urbestroj de nomita urbo salutis la aranĝon en tiu urbo?
❼ Kiom el la urboj havas senŝoforajn metrotrajnojn?
❽ Kiom el la inaŭguroj estis rigardeblaj en la reto dum ĝi okazis?

## Esploru vi mem!

**Uzu la reton aŭ vikipedion!**

❶ Listigu la kvin urbojn, de plej norda ĝis plej suda.
❷ Listigu la kvin urbojn, de plej orienta ĝis plej okcidenta.
❸ Listigu la kvin urbojn, laŭ la nombro da loĝantoj.

Baldur Ragnarsson

# 42 Ivan Ŝirjaev (1877-1933)

**Kiu estis Ivan Genadjeviĉ Ŝirjaev? Sur la frontpaĝo de *Enciklopedio de Esperanto,* unua eldono, 1933, oni legas lian nomon kun aldonita kruco indikanta, ke li estas morta; efektive li mortis en tiu sama jaro.**



Du pliaj informoj sekvas lian nomon: *iniciatinto* kaj *ĉefredaktoro*. En la artikolo pri li en la Enciklopedio oni povas legi, ke li dum pluraj jaroj kolektis 2092 artikolojn alfabete ordigitajn sub la titolo "E-Enciklopedio" kiuj fariĝis la kerno de la duvoluma verko "Enciklopedio de Esperanto", eldonita de *Literatura Mondo*. En ties antaŭparolo oni povas legi, ke Ŝirjaev sendis sian laboraĵon al Literatura Mondo "en sep malgrandaj kaj unu granda manskribitaj kajeroj". La redaktoroj bedaŭris, ke li ne povis ĝisvivi "la disbranĉiĝon de la arbo, kiu kreskis el la nobla semo de lia valora iniciato". Pro siaj meritoj li ricevis la titolon "iniciatinto ĉefredaktoro". Liaj meritoj estis multaj, kvankam nur lastatempe lia verkista talento estis reveke agnoskita per la publikigo de lia granda romano, "Sen titolo", kuŝanta kiel manuskripto dum jardekoj.

Ivan Ŝirjaev naskiĝis la 11-an de aprilo 1877 en Vereteja, gubernio Jaroslav, carisma Rusio. Unue li laboris kiel instruisto kaj poste li servis kiel vilaĝa pastro. Li lernis Esperanton en 1895 kaj post tio seninterrompe dediĉis sin al la laboro por la internacia lingvo. Li mortis la 6-an de novembro 1933.

Ŝirjaev aperigis siajn verkojn en gazetoj kaj libretoj. Krom tio konserviĝis liaj verkoj originalaj kaj tradukitaj en manuskriptoj, kies verkojaroj ne estas normale konataj, kiel kutime estas ĉe Ŝirjaev. Simplige oni povas praktike dividi lian verkaron en tri partojn. Unue estas verkoj publikigitaj antaŭ lia morto, due konservitaj manuskriptoj, trie la eldona projekto komencita en 1991 de Herbert Mayer, direktoro de la Esperantomuzeo en Vieno.

Lia unua kolekto de noveloj, *Sep noveloj*, aperis en 1906 (sub la pseŭdonimo "Ivan Malfeliĉulo"). Ĝi konsistis el noveloj aperintaj en la revuo *Lingvo Internacia,* kies ĉefredaktoro Théophile Cart laŭdis entuziasme la personan, originalan senton de la noveloj. Estis jam klare, ke Ŝirjaev havis naturan talenton por krei rakontojn de literatura valoro. Sekvis novelo en brajla preso, *La Ciganino* (1907) kaj dua eldono de *Sep noveloj* en la posta jaro. Post kelkaj jaroj sekvis du novel-kolektoj: *Tra la loko ensorĉita* (1913) kaj *Forta impreso* (1914). Unu lia kolekto de noveloj aperis en la jaro antaŭ lia morto, *Peko de Kain* (1932).



Post lia morto aperis unu plia kolekto, *En la vagono kaj aliaj rakontoj* (1937). Jena komento pri lia arto aperis en *33 rakontoj, la Esperanta novelarto* (Stafeto 1974): "Li estis inspirita novelisto, kiu en sia izoleco montris sin profunda observemulo. Lia kelkfoje miniatura, aliloke verva prezentmaniero kaj stilo kvalifikis lin por esti novelisto de rango."




Oni povus imagi kion faris Ŝirjaev dum la tempo de milito kaj transformiĝo de lia patrolando Rusio. Probable li komencis traduki majstroverkojn el la rusa literaturo: *La fratoj Karamazov* de Dostojevskij, *Milito kaj paco* de Tolstoj kaj aliajn, kies manuskriptojn li postlasis sen espero de eldono.

Feliĉe okazis reveko de la preskaŭ forgesita verkisto komence de la naŭdekaj jaroj fare de Herbert Mayer. En 1991 li eldonis la novelon *Inkubo,* en 1993 la kolekton *La dormanta grafino* kaj la novelegon (aŭ romaneton) *La nova vivo*. Kaj en 1995 li aperigis la grandan romanon de Ŝirjaev *Sen titolo*, kiu kuŝis kiel manuskripto de 60 ĝis 90 jaroj, la verkojaro(j) estas nekonata(j), verko parte membiografia, parte fantazia.

La historia tempo de la romano estas en la lasta jardeko de la 19-a jarcento kaj la okazaj lokoj vilaĝo kaj nordrusa urbo. La ĉefpersono estas la junulo Joĉjo, kiu studas por fariĝi pastro, la ĉefa temo estas lia junula evoluo, liaj sentoj kaj sintenoj al knabinoj kaj al la multaj personoj en la romano, ĉiu kun sia propra karaktero. La stilo estas aparte atentinda, nature flua kaj detala, tiel ekzemple estas priskribita varmega tago komence de la romano:

*Estis varmega julia posttagmezo. La suno netolereble bruligis la teron kaj la senmovan, sekan aeron. Apudvojaj arboj kun foliaro polvokovrita kaj malgaje pendantaj branĉoj, herbaro velka kaj flaviĝanta, birdoj, jam delonge ĉesintaj kantadon kaj sin kaŝintaj en la ombro de densaj arbetoj, – ĉio suferis pro la nekutima varmego kaj pro la longedaŭra sekeco, ĉio soifis pluvon.*

Ivan Sirjaev estis revekita el jardekoj de longa neglekto danke al direktoro de la Esperantomuzeo en Vieno Herbert Mayer. Ŝirjaev revenis en la prozan literaturon de Esperanto kun agrabla surprizo, kiu ne forlasos la scivolemajn legantojn.















# Landaj Reprezentantoj – Perantoj de *Juna Amiko*

**Argentino:** *info@esperantoargentina.org.* **Aŭstralio:** Aŭstralia Esperanto-Asocio, G.P.O. Box 2122 Melbourne 3001, Australia; *info@esperanto.org.au.* **Aŭstrio:** Leopold Patek, Martinstr. 104/38, AT-3400 Klosterneuburg, Austria; *aon.913548977@aon.at.* **Belgio:** Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, Belgium; *financoj@fel.esperanto.be.* **Brazilo:** Brazila Esperanto-Ligo, SDS Bl. P 36, Ed. Venâncio III, sala 303, BR 70393-902 Brasília-DF, Brazil; *belabutiko@esperanto.org.br.* **Britio:** Esperanto Association of Britain, Esperanto House, Station Rd, Barlaston, Stoke-on-Trent ST12 9DE, United Kingdom; *eab@esperanto.org.uk.* **Bulgario:** Mariana P. Evlogieva, PK 973, BG-1000 Sofia, Bulgaria; *mrvp@interpres.org.* **Ĉeĥio:** Pavel Polnický, Na Vinici 110/10, CZ-290 01 Poděbrady II, Czech Republic; *cea.polnicky@quick.cz.* **Ĉilio:** Héctor Campos Grez, Casilla 231 Curico, Chile. **Ĉinio:** Gong Xiaofeng, School of Environmental and Chemical Engineering, Nanchang University, Nanchang, CN-330031, China; *arko.gong@qq.com.* **Danio:** Arne Casper, Bryggervangen 70 4 tv, DK-2100 Koebanhavn, Denmark; *arnecasper@dbmail.dk.* **Estonio:** Ahto Siimson, Kastani 12-11, Paikuse, EE-86602 Pärnu maakond, Estonia; *ahto.siimson@esperanto.ee.* **Finnlando:** Hämäläinen Sylvia, F.E.Sillanpään katu 2 C 46, FI-33230 Tampere, Finland; *sylvia.h@kolumbus.fi.* **Francio:** Unuiĝo Franca por Esperanto, 4bis, rue de la Cerisaie, FR-75004 Paris, France; *zav@esperanto-panorama.net.* **Germanio:** Esperanto-Buchversand, Dr. Wolfgang Schwanzer, Pfarrer-Seeger-Str. 9, DE-55129 Mainz, Germany; *wolfgang.schwanzer@esperanto.de.* **Germanio:** Zsófia Kóródy, Interkultura Centro Herzberg, Grubenhagenstr. 6, DE-37412 Herzberg am Harz, Germany*; zsofia.korody@esperanto.de.* **Hispanio:** Pedro Garrote, Apartado 119 Esperanto, ES-47080 Valladolid, Spain. **Hispanio:** Kataluna Esperanto-Asocio, Apartat 1008, ES-08200 Sabadell, Spain. **Hungario:** Boris Arrate Veranes, Emma u. 3a, HU-2030 Érd, Hungary; *simio_2004@yahoo.es.* **Islando:** Islanda Esperanto-Asocio, Pósthólf 1081, Skolavorðustigur 6B, IS-101 Reykjavík, Iceland; *esperanto@isl.is.* **Israelo:** Gian Piero Savio, Rehov Menora 13/4, IL-53490 Givatajim, Israel; *saviogp@zahav.net.il.* **Italio:** Luigia Oberrauch Madella, via Prampolini 8, IT-43122 Parma, Italy; *silkovojo@aliceposta.it.* **Japanio:** Japana Esperanto-Instituto, Japana filio de ILE, JP-162-0042 Tokyo-to, Sinzyuku-ku, Waseda-mati 12-3, Japan; *esperanto@jei.or.jp.* **Kroatio:** Marija Belošević, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Croatia; *marija@hes-keu.hr.* **Kubo:** Kuba Esperanto-Asocio, Apartado Postal 5120, CU-10500 La Habana 2, Cuba. **Litovio:** Litovia Esperanto-Asocio, ab/k 167, LT-3000 Kaunas, Lithuania; *irenaa@takas.lt.* **Norvegio:** Anne Karin Bondhus, Morenefaret 8 A, NO-4340 Bryne, Norge; *akbondhus@jkn.no.* **Nov-Zelando:** David Dewar, PO Box 35849, Browns Bay, Auckland 0753, New Zealand; *gddewar@ihug.co.nz.* **Pakistano:** Jawaid Eahsan, P.O. Box 26, PK-60000 Multan, Pakistan. **Pollando:** Magdalena Tatara, Koźmicie Wielkie 323, PL-32-020 Wieliczka, Poland; *mtatara@gmail.com.* **Portugalio:** Portugala Esperanto-Asocio, Rua Dr. Joao Couto 6. R/C A, PT-1500 Lisboa, Portugal; *asocio@esperanto.pt.* **Rumanio:** Crancau, Ioan, B-dul Bucuresti 5/53, RO-4800 Baia Mare, Romania. **Rusio:** Halina Gorecka, ab. ja. 1205, RU-236039 Kaliningrad, Russian Federation; *sezonoj@mail.ru.* **Slovakio:** Peter Baláž, Víťazná 840/67A, SK-958 04 Partizánske, Slovakia; *petro@ikso.net*. **Slovenio:** Višnja Branković, Via Parini 5 IT-34 129 Trieste, Italy. **Sud-Afriko:** Colin Beckford, C2 Plaza Hill 3, Bower Road, ZA-7800 Wynberg, South Africa. **Svedio:** Leif Holmlund, Kågevägen 40 B lgh 1303, SE-931 38 Skellefteå, Sweden; *leif.holmlund@telia.com.* **Svislando:** Christoph Scheidegger, Im Schleedom 6, CH-4224 Nenzlingen, Switzerland; *ch_scheidegger@bluewin.ch.* **Tajvano:** Reza Kheirkhah, No. 105, Chung Ching Road, Pingtung, 900-73 Taiwan; *rezamenhof@yahoo.com*. **Togo:** Koffi Gbeglo, B. P. 13169, Lome, Togo; *esp.togo@cafe.tg.* **Usono:** Esperanto-USA, P.O. Box 1129, El Cerrito CA 94530, United States; *eusa@esperanto-usa.org.* **Venezuelo:** Peter Jaimez, Poŝtkesto 3482, VE-1010 A Caracas, Venezuela. **TUTA MONDO:** Abonservo de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Netherlands; *uea@uea.org.* **Mendojn eblas sendi ankaŭ al** *ILEI.oficejo@gmail.com.*

Aŭtorino: Sonmy Álvarez        Tradukisto: Jose de Jesús Campos



Mi diras ke la problemo estas serioza

Venu

Neniu besto povas manĝi pro la malbona konduto de la koko.

Kaj kiam mi diris ke li ne rajtis fari tion, li koleriĝis.

La ceteraj bestoj malsaniĝos, ni devas helpi ilin.

Mi kredas ke la koko estas kiu bezonas helpon.

Pro kverelado li ankaŭ ne povis manĝi.

?

Tio okazis al li pro egoismo.

# Kukuo la Feo

Aŭtoro: Ángel Velazco Tradukisto: José de Jesus Campos






















